XI^a jaro. N° 161 (2) ⋆ Duonmonata ⋆ 5 februaro 1914

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## La Popolaj Universitatoj

II

La famo pri la parizaj popolaj universitatoj rapide disvastiĝis ekster Parizo; ĉiuj gravaj francaj urboj fondis similajn instituciojn. Poste la movado atingis la aliajn latinajn landojn.

Italujo baldaŭ ekposedis tre prosperajn tiajn universitatojn, ekzemple en Milano, kie la popola universitato atingis la ciferon de 4559 aŭskultantoj. Ĝiaj kursoj kaj paroladoj koncernas la jenajn fakojn: laborista leĝfarado, naturscienco), Milana historio, socia higieno, politika ekonomio, itala literaturo, kanto, ktp. La instruadon plenumas profesoroj kaj inĝenieroj de la altaj lernejoj; ili havas plenan liberecon de parolo. La popola universitato de Milano celas esti „la komuna kaj paca laborejo de ĉiuj ideoj sincere pripensitaj kaj ĝentile esprimitaj". La plej famaj reprezentantoj de la oficiala universitato alportis al ĝi sian helpon; i. a. deputato Varazani kaj verkisto Molinari tre multe laboris por ĝi. La plimulto de la aŭskultantoj konsistas el industriaj laboristoj.

En Romo simila institucio kreiĝis en 1901. La instruado estis dividita laŭ kvar fakoj: literaturo, artoj, leĝofarado kaj medicino.

En Hispanujo ankaŭ montriĝis vigla intereso je la nova movado. En Valencia — de 1904 — kreiĝis, laŭ la modelo de la parizaj institucioj, popola universitato, kiu estis subtenita de la verkisto Blasco Ibañez kaj fariĝis sufiĉe prospera. En 1904 organiziĝis en Madrido popola universitato, kiu sukcese aranĝis vesperfestojn, vizitojn al muzeoj, al malnovaj urboj kaj al la kamparo. Ĝi havas nun propran ejon kaj de 1906 ricevas malgrandan ŝtatan monhelpon; ĝi starigis kursojn por surdmutuloj kaj blinduloj kaj artajn ekskursojn por la azilaj infanoj. Dank'al sia aktiva loĝantaro, malmulte kontenta je la nesufiĉa ŝtata instruado kaj delonge kreinta memstarajn popollernejojn, Barcelono prezentis al tiu movado plej favoran kampon. Fondiĝis „Ateneo obrero", t. e. popola universitato destinita speciale por la laboristoj kaj „Ateneo encyclopedico" por la laboristaj kaj mezaj klasoj. Ambaŭ posedas proprajn ejojn, kie okazas paroladoj kaj sistemaj kursoj. En tiu rilato tiuj universitatoj proksimiĝas al la tria tipo poste studota.

En Egiptujo, la popolaj universitatoj disvastiĝis precipe en la regionoj, kie la Italoj estas multnombraj, ekzemple en Aleksandrio. La paroladistoj mem elektas la temon de sia parolado. En sia raporto la universitato fiere diras, ke ĝi staras flanke de ĉia patronado aŭ aŭtoritato, ke ĝi per sia absoluta memstareco garantias la liberecon de katedro kaj la dignecon de la studoj. Lasi al la paroladistoj la elekton de la traktotaĵoj prezentas kelkajn maloportunaĵojn: la instruado estas do dispecigata. Sed la Aleksandria universitato plenumis ion tre utilan kreante bibliotekon, legoĉambron, laboratoriojn por sciencaj esploroj kaj havigante al 'si la helpon de altlernejaj profesoroj.

En Belgujo, la popolaj universitatoj naskiĝis laŭ imito de la francaj. De 1901 tiaj institucioj fondiĝis en Mons, Charleroi, Bruselo, poste en ĉiuj gravaj urboj. Oni precipe faras diverstemajn paroladojn por veki la scivolemon de la publiko. Nur en kelkaj estas sistema instruado, ekzemple en Saint-Gilles (Brusela antaŭurbo), kies popola universitato

havas la devizon „Se la laborista klaso volas emancipiĝi, ĝi unue konsideru la malklerecon kiel sian plej grandan malamikon". La „Hejmo" aranĝis tre diversfakajn kursojn, oficejon de juraj, komercaj kaj teknikaj informoj, dungoficejon, konsultojn pri mamnutrataj buboj kaj bibliotekon de pli ol 3000 volumoj. En kelkaj urboj la urbestraroj konsentas sian moralan kaj monan apogon, tiel ke la kursoj estu parte senpagaj. La plimultaj belgaj popolaj universitatoj organizas ankaŭ muzikajn, teatrajn kaj literaturajn vesperojn. La estetika edukado estas kompletigata per vizitoj al muzeoj, artekspozicioj, sciencaj institucioj, fabrikoj kaj ekskursoj, vojaĝoj fremdlanden, ktp. Tiuj popolaj universitatoj provis aranĝi *festojn de la naturo* (ekzemple festo de la arboj). En Belgujo, la influoj el Francujo, kie oni precipe celas elvoki novajn ideojn ĉe la aŭskultanto, kuniĝis kun la germana spirito, kiu celas ĉion elstudi kaj sekve postulas pli da metodo en la studoj. El tiu kuniĝo rezultis tre interesa miksa speco de popola universitato, kies tipo estas la „Intelekta Hejmo" en Saint-Gilles. Tiuj institucioj rimarkinde disvastiĝis: ekzemple, la buĝeto de la „Hejmo" en Saint-Gilles sumas kelkajn centmilojn da frankoj.

La progreso de la belgaj popolaj universitatoj estas tiom pli rimarkinda, ke, male, en Francujo ilia nombro malgrandiĝis. Post la afero Dreyfus, la entuziasmo velkiĝis kaj post la forpaso de la ĉarmo de l'noveco, la paroladistoj ekdemandis sin, ĉu ili ne vojeraras sin dediĉante al klopodo, kiu entute povas doni nur fragmentan kulturon. Siaflanke la laboristoj ne plu venis tiel multaj kiel antaŭe al la paroladoj. La vasta ĉambrego de la popola universitato de Saint-Antoine, antaŭe plenega ĉe ĉiu kunveno, nun pleniĝas nur kiam iu famulo estas parolonta. Tamen, la tradicio estas sufiĉe forta, por ke tiu universitato plue vivu. Sed la plimultaj aliaj parizaj universitatoj devis fermiĝi. Same estis ofte en la francaj provincoj; tamen, en kelkaj urboj la popolaj universitatoj evoluas al pli metoda formo.

Jen el kio konsistas la krizo de la popolaj universitatoj, pri kiu oni tiel multe parolis en Francujo. Oni demandis, kiaj estas ĝiaj kaŭzoj, ĉu tiu malsukceso ne pruvas, ke la bezono de supera kulturo ĉe la popolamaso celas nur la serĉadon de efemeraj sentoj. Tiu supozo, versimila, se oni atentas nur pri Francujo, fariĝas absurda tuj, kiam oni pensas pri la belgaj universitatoj, kaj precipe pri la usonaj, aŭstriaj kaj skandinavaj, kiujn ni poste priparolos. Tiu krizo havis kiel kaŭzon la nekonstantecon de la franca temperamento kaj tro nesufiĉan intelektan nutradon. La laboristo certe povis trovi plezuron aŭdante dum unu, du, eĉ tri jaroj, 15 ĝis 20 paroladoj jare pri plej malsamaj temoj, sed kun la tempo, tiu diverseco lin lacigis kaj alkondukis lin al la demando: „Por kio utilas al mi tiu sciencopeco, tiu senorda instruado?"

Kiel ni poste vidos la solvo de la problemo estas en la sistemigo de la instruado, en la grupigo de liberaj paroladoj ĉirkaŭ metodaj kursoj. La paroladoj tiam estas nura deserto! Varbi novajn aliĝantojn inter la laboristoj, kiuj staras ankoraŭ flanke de la popolaj universitatoj, tia povas kaj devas esti ilia utileco. Sed ili ne provu reteni ilin per siaj propraj fortoj; ili nur alkonduku al pli seriozaj studoj, al sistemaj kursoj, al laboratorioj.

* * *

El tute aliaj bezonoj naskiĝis la dua formo de popola klerigado, la „popolaj universitatkursoj". Ilia hejmlando estas Britujo. La universitatoj de Oxford kaj Cambridge ilin iniciatis aldonante al sia kursaro tute seriozajn kursojn speciale difinitajn por la kleriĝemaj laboristoj. En la germanlingvaj landoj, la Viena universitato unua sekvis tiun ekzemplon. Sendube, jam antaŭe ekzistis en Germanujo kaj Aŭstrio ĉiuspecaj societoj de popola kaj laborista klerigado, kiuj per paroladoj kaj per aranĝo de bibliotekoj penis disvastigi la kulturon ĉe la popolo; flanke de la universitatkursoj ili ankoraŭ ekzistas, sed ili devis fordoni al ili la direktadon de la movado.

En Vieno la universitato mem konsideris, ke ĝi havas la devon labori por la popola klerigado. La akademia konsilantaro kaj la diversaj fakultatoj elektis komitatojn por direkti la popolkursojn. Konforme al la regularoj, instruantoj estis elektitaj inter la universitatprofesoroj kaj precipe inter la privatdocentoj. La ŝtato konsentis monhelpon, kiu kompensis la pli grandan parton de la elspezoj. La fakto, ke la universitato mem direktis la kursojn, garantiis la konstantecon kaj sciencecon de la institucio. La ŝtata monhelpo aliparte ebligis plivastigon de la entrepreno: oni povis aranĝi pli ol 100 kursojn, kiujn ĉeestis ĉirkaŭ 20.000 personoj. Kelkaj el tiuj kursoj daŭras dum unu aŭ du vintroj, tiel ke sufiĉe vastaj temoj povu esti studataj preskaŭ tiel sisteme kiel en la universitato mem. Ĉar la studprogramo estas sendependa de la enspezoj, oni ankaŭ povas trakti temojn, kiuj, kvankam malpli interesaj por la popolamaso kaj sekve ne allogantaj multajn personojn, estas tamen tre gravaj je la kultura vidpunkto.

En Berlino la movado renkontis kelkan kontraŭstaron en la universitataj rondoj. Oni do devis formi asocion de universitatprofesoroj, kiu organizis la kursojn sendepende de la universitato. La entrepreno havas nenian oficialan karakteron (ĝi ne estas monhelpata de la ŝtato), sed ĝi principe estas simila je la Vienaj kursoj. De tiam, la supera popola klerigado estis samamaniere aranĝita en multaj germanaj universitatoj.

*(Daŭrigota)* *R. Broda,*

Fondinto de la Internacia Instituto por la Interŝanĝo de la socialaj spertoj.

Trad.[1] *A. R.*

[1] El „*Les Documents du Progrès*".

 SOCIA VIVO 

## La albana lingvo

Mi kredas, ke ĉiuj amikoj de lingvo internacia havas intereson legi en tiu ĉi gazeto kelkajn vortojn pri iu antikva malmulte konata lingvo, t. e. pri albana lingvo, pri la lingvo de tiu popolo de la ŝkypetaroj, kiu en tiu ĉi lasta tempo paroligis kaj ankaŭ nun paroligas pri si preskaŭ la tutan mondon. Mi esperas, ke tio estos por la legantoj ankoraŭ pli interesa, kiam ili vidos, ke la skribanto de tiuj ĉi linioj estas albana kaj eĉ naskita en tiu urbo Skutari, kiu la antaŭan jaron estis celobjekto de tiel multaj atakoj, kaj nun estas, oni povas diri, internacia urbo. Se la albana popolo estas ĝenerale malmulte konata en sia historio, ĝi estas ankoraŭ malpli konata en sia lingvo. Mi limigos min raporti tie ĉi la sciencajn rezultatojn de la filologoj kaj verkistoj de la albana historio. Kiu volas havi pli detalan informon pri tiu ĉi temo, povas konsulti kun profito la „Manuale di letteraturo albanese" de Prof. Alberto Stratico (Ubrico Hœpli, Edt. Milano), kie en la unua ĉapitro oni trovos riĉan materialon kaj citajon de aŭtoroj. La albana lingvo, kiel la romanaj, germanaj kaj slavaj lingvoj, estas memstara branĉo de indo-germana lingvo, nome posteulo de la dialekto iliria antikva. Ne atentante la proceson de evolucio, kiu estas propra al ĉiuj balkanaj lingvoj (greka moderna, rumana kaj bulgara) kaj prezentas specifan balkanan tipon, la albana lingvo en pli antikva tempo havis fortan romanan influon,

kvankam ĝi tamen ne fariĝis romana, kiel la rumana lingvo; ĝi akceptis, speciale en la periferio, ankaŭ fremdajn elementojn, turkajn, italajn, grekajn kaj slavajn. Ĝi restis tamen propra memstara lingvo, kaj en multobla rilato, interesa kaj grava.

La albanan lingvon oni dividas en du ĉefdialektoj, nome la *toska* en sudo kaj la *gega* en nordo. La linioj inter la du dialektoj estas preskaŭ la rivero Škumbi aŭ la linio de la antikva „Via Egnatia", kiu dividas Albanion ĉirkaŭe en la mezo. Ambaŭ dialektoj diferenciĝas unu de la alia precipe en fonetika rilato, kaj pro tio la ĉefrimarkilo de la gega estas la ekzisto de la nazaj vokaloj; kontraŭe la toska ne konas ian nazan vokalon. En la gega dialekto la akcentoj kaj kvantoj estas multe pli markataj ol en la toska; ekzistas ankaŭ diferenco ĉe la diftongoj. El ĉio dirita ĝis nun oni vidas, ke inter la du dialektoj ne estas tre granda diferenco; oni ne povas diri, ke ili estas tute diversaj lingvoj, kaj ke gegano ne povas kompreni toskanon, kiel malvere skribas ankoraŭ hodiaŭ multaj verkistoj pri Albanio. Kun tiuj ĉi malveraj certigoj, kiujn ili ĵetas al la publiko, ili montras tre klare, ke ili malmulte konas la albanan lingvon. Ne citante tie ĉi sciencajn argumentojn, sufiĉas al mi substreki nur fakton. Kiam mi pli ol unu jaron forlasis por la unua fojo mian naskiĝurbon Skutari, mi renkontis sur la vaporŝipo du toskanajn albanojn. Dum tuta mia vivo mi neniam aŭdis toskan dialekton, kaj neniam mi legis libron skribitan en toska. Tamen dum tuta veturado ni unu la alian komprenis tre bone sen bezono de interpretisto.

Tiel la gegan kiel la toskan dialektojn oni dividas en aliaj flankaj dialektoj. La sciencaj esploroj ne estas ankoraŭ tiel kompletaj, ke oni povu ekzakte fiksi la grupojn de tiuj ĉi dialektoj. Tamen oni povas difini, ke en la toska dialekto diferenciĝas la *Ĉamerika* dialekto en la Ĉameric (ĉirkaŭe kontraŭ Korfu), la *Labika* dialekto en la bordo — streko Laberi (inter Valona kaj Delvino), la *Daŭgla, Valona* ktp. en la okcidento. La dialektoj parolataj de albanoj en Grekujo kaj Italujo havas toskan tipon, dum tiu de Borgo Erizzo apud Zara (Aŭstrio) estas gega. La geganojn oni dividas en serio de gentoj (Mirdita, Dukazhini, Kelmenti, Metoja, Dibra ktp.), kiuj diferenciĝas parte ankaŭ en la dialekto. En kelkaj detaloj diferencas de la lingvo de Skutari la dialekto de la najbaraj montoloĝantoj (Malissoroj). Multe foriĝas de ĝi la dibrana dialekto. La elbasana formas la centran dialekton kaj samtempe transiran dialekton de la gega al la toska.

Finante tiun ĉi skizeton, mi nur povas konsili al ĉiuj filologaj diletantoj entrepreni la studon de tiu ĉi bela kaj antikva lingvo. Kiel diras Odescald: „La albana lingvo estas interesega filologia kuriozaĵo, kaj la scienculoj de la okcidento bone farus, se ili funde ĝin studadus; ili ekscius interesaĵojn, kaj iliaj eltrovoj ĝojigus ilin, kiel ĉiu kompetenta leganto povos konvinkiĝi." Tiu studo kunhelpos por kompletigi iliajn filologajn konojn, preparos al ili sen dubo grandan plezuron kaj estos kiel ŝlosilo por la etnologia studo de tiu ĉi kuraĝa popolo, ĉar kiel Abel Ramusat diras: „La lingvo, pli ol io ajn alia, helpis por konigi la mentalecon de nacio, kiu en ĝi estas enfiksita kaj malkaŝe montriĝas."

*Larras Shantja* (Skutari).

## Pri lerneja ŝparo

II

De ĉi tiu jaro, ĉiu infano, kiu komencas sian unuagradan lernejtempon, ricevas donace ŝparlibreton kun sumo de 2 frankoj. La lerneja komisiono de ĉiu loko nur bezonas transdoni ĉiujare al la ŝparkaso liston de ĉiuj novaj junaj gelernantoj (ĉe ni ĉiuj infanoj, krom maloftaj esceptoj, estas lernantoj de l'publikaj popolaj unuagradaj lernejoj). Ĉiu infano ricevas ankaŭ verdan kartonon kun lokoj por glui 20 kvincentimajn poŝtmarkojn. Eĉ sur tiu unua kartono oni gluos nur 19, la ŝparkaso aldonos la 20an kiel rekompencon; kompreneble la infano poste ricevas laŭvole pluajn verdajn kartonojn (por 20 verdaj kvincentimaj poŝtmarkoj) aŭ ruĝajn kartonojn (por 20 ruĝaj dekcentimaj poŝtmarkoj). Plenigita verdkartono (valoro: 1 franko) aŭ ruĝkartono (valoro: 2 frankoj) estas donataj en la lernejo al la instruisto, kontraŭ kvitanco, se oni ĝin postulas. Poŝtmarkojn la infanoj povas aĉeti kie ajn, ankaŭ en la lernejo. Je la fino de ĉiu monato la instruistoj enskribas la valoron de l'ricevitaj plenaj kartonoj (povas esti unu aŭ multaj frankoj, sed ne centimoj) en la ŝparlibretojn. La listoj de tiuj enskriboj kaj la kartonoj estas kolektitaj en ĉiu loko de unu bonvola instruisto, kiu transdonas ilin al la loka reprezentanto de l'ŝparkaso. Fine de ĉiu jaro, la oficistoj de l'ŝparkaso aldonas la procentojn sur la libretojn. Mono povas esti reprenita nur de l'gepatroj, ne de l'infanoj.

Je la fino de l'lernejjaroj la sumo de ĉiu lerneja ŝparlibreto povas esti, laŭ volo de l'gepatroj, ĉu:

1e transskribita en alian ordinaran ŝparlibreton, se la infano jam havas unu (tre ofte gepatroj havas por siaj infanoj ordinarajn ŝparlibretojn, kaj estas tute permesite, ke infano do havu du libretojn, unu en la lernejo zorgata de l'instruisto, alia en la familio zorgata de l'gepatroj); 2e transskribita en novan ordinaran ŝparlibreton, kiam la infano ankoraŭ ne havas tian; 3e repagata al la rajtanto, t. e. al la gepatroj aŭ, se ili konsentas, al la infano mem. Kompreneble, ĉar oni tiel uzas la ordinarajn oficialajn poŝtmarkojn ĉie haveblajn, okazis antaŭe interkonsento inter la ŝparkaso kaj Svisa Poŝta Administracio; ili reaĉetas la sur kartonoj gluitajn poŝtmarkojn, konservante nur ½ % kiel kompenson.

Tiu sistemo estas vere tre taŭga; infanoj povas ŝpari malgrandegajn sumojn, 5 centimojn post 5 centimoj; ili povas aĉeti la poŝtmarkojn ĉiam kaj ĉie; ili havas plezuron glui ilin kaj estas facile instigataj al plenigo de l'kartonoj kaj sekve al ŝparado. La laboro de l'geinstruistoj estas kiel eble plej malgranda; ĝis unu franko, ili ne bezonas enskribi ion ajn; ili notas en la libretojn nur la tutajn frankojn; ili neniam konservas monon; ilia respondeco estas tre malgrava; ili ne bezonas specialan kalkullibron ktp. Ĉar tamen tiu ŝparado postulas ian intereson kaj helpon de l'geinstruistoj (ili ja tre volonte tion faras, ĉar ili konscias la valoron de l'popola ŝparado kaj precipe de l'infana inklino al ŝparemo), kaj ĉar la ŝparkaso ne povas persone pagi tiujn servojn, ĝi donacas ĉiujare 500 frankojn por la kaso por pensioj de l'maljunaj geinstruistoj.

Tiu sistemo de lerneja ŝparado fariĝis nun ĝenerala en nia kantono, sed ĉar ĝi funkciadas nur de ĉi tiu jaro, oni ne povas doni statistikojn pri ĝiaj rezultatoj.

Fine de 1912 estis entute: 5975 infanaj ŝparlibretoj kun havaĵo de 161.683. 29 frankoj.

Por la jaro 1913, de januaro ĝis septembro, estis: 4706 novaj ŝparlibretoj kun deponoj de 46.209. 13 frankoj.

Oni tuj rimarkas la pligrandigon devenantan de l'nova sistemo. (Por la jaro 1913, 3154 libretoj kaj 6908 frankoj devenas de l'apliko de l'nova decido: donaco al ĉiu lernanto de libreto kun 2 frankoj. Por la sola urbo Neuchâtel (23.000 loĝantoj), kiu enkondukis lernejan ŝparadon nur antaŭ du jaroj, la rezultatoj estas:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| januaro ĝis septembro | 1911 | 2525 deponoj | 904 novaj libretoj | 4408 frankoj |
| | 1912 | 2182 „ | 357 „ „ | 3401 „ |
| | 1913 | 1949 „ | 165 „ „ | 3330 „ |

Neuchâtel'a Ŝparkaso ricevas el tiu faka organizajo nenian profiton; kontraŭe ĝi oferos ĉiujare sufiĉe grandajn sumojn; sed ĝi esperas, ke ĝia klopodo estos utila al la popolo, kaj tial ĝi ne ŝanceliĝis preni sur sin tiujn grandajn laborojn kaj elspezojn.

Pri lerneja ŝparado kiel pri ĝenerala ŝparado, ĝi ĉiam restis fidela al sia principo: Pligrandigi la bonstaton de l'individuoj per ŝparo, kaj utiligi tiun ŝparon por la tuta socio.

Admiron kaj dankemon oni eksentas, konsciinte la ekonomian kaj moralan valoron de la agado de Neuchâtel'a Ŝparkaso.

*G. Stroele* (Neuchâtel).

## La Nova Internacia Mondkarto

Dum multaj jaroj la geografoj kaj scienculoj de diversaj nacioj sentis la malprofiton desegni kaj publikigi landkartojn, kiuj ne povas akordiĝi kun tiuj de la aliaj nacioj. Ne nur la diverseco de skaloj, sed ankaŭ la elekto de la demezura meridiano, la mezura unuo, kaj la ortografiaj detaloj malhelpas la akordeblecon. Ankaŭ bedaŭrinde, la geografia oficejo de unu regno desegnis kartojn, kiuj aŭ sursternis sur la teritorio de la kartoj de aliaj landoj aŭ lasis interspacojn neoportune malplenaj. Unuvorte, oni ne povis per la ekzistantaj kartoj kompari areojn aŭ konstrui per kunmeto la kompletan figurajon de la terglobo.

La unua ekmovo por forigi la diritajn malfacilaĵojn okazis je la Internacia Kongreso Geografia en Vieno en la jaro 1891, kiam S-ro Prof. Albert Penck de la Universitato de Vieno (pli malfrue de Berlino) proponis, ke oni rekomendu la alprenon de unuforma skalo internacia de 1 : 1.000.000 kaj la uzon de unu sistemo de projekcio kaj desegno. La kongreso, aprobinte la ideon, elektis komisionon por esplori la demandon, proponi planojn por efektivigi la deziron pri unuformeco. Kvankam la deziro unuformigi la landkartojn regis ĉie inter la registaroj de la ĉefaj nacioj, praktike, la komisiono trovis la laboron por interkonsentigi ilin pri detaloj tre malfacila. Ekzemple, la Angloj insistis pri la alpreno de Greenwich'a meridiano kaj la uzo de la angla *futo* kiel mezurunuo por altecoj, ktp. La Francoj, kontraŭe, ne volis forlasi la meridianon de Parizo kaj kun aliaj kontinentaj nacioj insistis pri la metra sistemo. Aliaj nacioj troŝatis siajn proprajn ortografiojn kaj specialajn kartografiajn signojn por volonte cedi ilin. Tamen, en la dek jaroj antaŭ la kunveno de la Kongreso Geografia en Vaŝingtono, 190., kelkaj el la nacioj donis al la principo om da apogo; eĉ kelkaj el ili, ekzemple Francujo, desegnis kartojn laŭ la proponita skalo, 1 : 1.000.000. Sed, bedaŭrinde, la dezirita unuformeco estis ankoraŭ nekompleta, ĉar en multaj detaloj la diverseco de la uzitaj sistemoj (ekz. por kalkuli latitudojn, mezuri altecojn, kaj montri la marojn, montojn ktp.) tute malhelpis la eblecon apudigi aŭ kompari la kartojn geografiajn preparitajn de la diversaj landoj. Fine, en novembro 1909, laŭ invito de la angla registaro, kunvenis en Londono por forigi tiujn malsimilaĵojn komisiono el la jenaj landoj: Aŭstrio-Hungarujo, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Italujo, Rusujo kaj Usono. Nun, pro jaroj da diskutado inter scienculoj, oni akre sentis la neceson decidi je unuformaj sistemoj kartografiaj. Tial la komisiono dum nur mallonga tempo kaj kun harmonieco, kiu per si mem montras la kreskantan senton de mondsolidareco, povis efektivigi tiujn dezirajojn.

Francujo akceptis la meridianon de Greenwich, kaj la Angloj konsentis pri la uzo de la metra sistemo por ĉiuj distancoj kaj altecoj. Aliaj nacioj facile kompromisis pri ceteraj detaloj. Estis decidite uzi nur latinajn literojn por nomoj de lokoj, kaj egalgrave, ĉu la skribajoj estu laŭ la ortografio uzata en la lando koncernata. Ekzemple, sur la karto troviĝos „Roma", „Köln", „Wien", „London" ktp., anstataŭ la nomformoj nuntempe uzataj eksterlande.

Por fari bazon, sur kiu estus konstruebla karto de la dezirita skalo, oni alprenis supozitan globon, kiu havas cirkonferencon da 40 metroj kaj kies diametro estas 12.735 metroj. La surfaco estis dividita inter folioj, kies amplekso estas 4 gradoj da latitudo kaj 6 gradoj da longitudo. Do, estas necese uzi 60 foliojn por ĉirkaŭzoni la globon kaj 22½ por kovri la distancon inter la ekvatoro kaj unu el la polusoj. Tiu ĉi aranĝo, tial, postulus 2642 apartajn foliojn por montri la tutan surfacon. Sed la kunlaborantaj landoj, kiuj nun klopodas la preparon de ĉi tiu grandega verko, ne eldonos entute pli ol eble 1500 foliojn pro du kaŭzoj: unue pro la fakto, ke super la 60° paralelo la meridianoj tiel alproksimiĝas, ke oni povos kundesegni sur unu folio zonon de 12° aŭ eĉ 18°, anstataŭ 6° da longitudo; due, ĉar ĉirkaŭ tri kvaronoj de la globsurfaco estas kovritaj per oceanoj, oni do povos nekonsideri la grandajn areojn de preskaŭ senutilaj regionoj. La sistemo de projekcio uzota estas la polikonusa, laŭ kiu la meridianoj estas montrataj per rektlinioj. Tiu ebligas la precizan apudigon de najbaraj folioj, kaj, je la skalo elektita, la nekorekteco (la karto estas kompreneble ebena anstataŭ sfera) estas tro malgranda por esti konsiderata.

Estas interese noti la sistemon por nomi la foliojn. Anstataŭ la ordinaraj ciferoj por la limigintaj paraleloj oni uzas literojn, ekz. la paralelo de 4° estas „A", tiu de 8° „B", k. c. La lasta cirklo (tiu de 88° apud la poluso) estas „V". En ambaŭ duonsferoj estas la paraleloj samnomitaj, komencante je la ekvatoro. Ankaŭ, komencante je la meridiano de 180°, kontraŭ tiu de Greenwich, oni nomas ĉiun sinsekvan meridianon de 6° — irante orienten — 1, 2, 3 ktp. Tial ni havas kiel nomon de iu folio la literon kaj ciferon donitajn al la meridiano kaj paralelo ĉe la nordorienta angulo de tiu folio. Ekzemple, laŭ ĉi tiu plano la folio, kiu montrus Parizon, estus nomita „Norda M 31"; tiu de Buenos Aires „Suda H 21".

Antaŭnelonge la usona „Geological Survey" eldonis la unuan folion laŭ la internacia sistemo. Oficiale nomita „Norda K 19", ĝi enhavas grandan parton de Nova Anglujo (nordorientaj amerikaj ŝtatoj), kaj ĝia centro apudas la urbon Boston. Tiu folio nepre havas intereson por ni, ĉar ĝi ne nur estas belega specimeno de la kartografia arto, sed pro la kompleteco de la detaloj laŭ la antaŭnelonga internacia interkonsento ĝi bone servas kiel ekzemplo de tiu, kiun ni povos atendi pri landkartoj de aliaj mondpartoj kaj de aliaj kartdesegnejoj naciaj.

Oni montras la tersurfacon verda kaj bruna kaj la akvajn areojn bluaj. Ju pli da distanco super aŭ sub la marnivelo des pli la denseco de da nuancoj brunaj aŭ bluaj; krom la samnivelaj kurboj, surteraj kaj oceanaj, interspacigitaj je 100 metroj, estas multaj ciferoj por montri la altecon aŭ profundecon. (Estas vera novajo tiu altec-ciferado per *metroj* sur usonaj landkartoj!) Por esti komprenataj de maristoj angloparolantaj, tamen la ciferoj por profundeco estas apudigitaj per interkrampitaj ciferoj montrantaj la saman nivelon en „fathome" (ĉiu „fathom" egalas 1.89 metrojn).

Kompreneble tiu ĉi grandampleksa laboro eĉ kun la kunago promesita de la ĉefaj regnoj okupos multajn jarojn kaj kostos grandege. Oni kalkulis efektive, ke la tutaĵo postulos pli ol 2.000.000 Sm., aŭ aliavorte, ĉiu centimetro kvadrata el la kartsurfaco kostos ĉirkaŭ 1 Sm. Sed pro la faktoj, ke la verko estas internacia, kaj ke la kosto estos apartigata inter la ĉefaj nacioj civilizitaj — eĉ tiu kosto ne sufiĉos timigi la partoprenontojn. Kvankam malmultaj el

ni estas aŭ geografoj aŭ scienculoj la tuta projekto por realigi unuforman sistemon de kartografio tutmonda havas intereson por ni, ĉar ĝi estas ankoraŭ alia signo de tiu kreskanta „nova sento", kiu sub diversaj aspektoj aŭ fazoj celas detrui la barilojn inter la gentoj de la mondo.

*Henry W. Hetzel* (Del. Philadelphia).

## La nova ĉefurbo de Aŭstralio

I

La fakto, ke la popolo de Aŭstralio nun preparas starigi grandiozan urbegon en sia federala teritorio estas diskonigita tra la tuta mondo. Sed la detaloj, dum sia vagado tra multaj landoj kaj en diversaj lingvoj, ricevis pligrandigon, kaj, cetere, estas ŝanĝitaj ĝis tia grado, ke oni ne povas scii, kie la fakto finiĝas kaj kie la neveraĵo komencas. Tial fidinda rakonto, kiu priskribos la historion kaj iom parolos pri la loko de la estonta urbo kaj pri la elektita plano, ankaŭ iuj informoj pri la aktualaj laboroj ĝis novembro 1913 sendube interesos la legantojn.

En la jaro 1890 evidentiĝis al la aŭstraliaj ŝtatistoj, ke la regado de la kontinento en ses apartaj ŝtatoj ne povus bonefike daŭri. Delegitoj el tiuj ŝtatoj estis komisiitaj por interdiskuti projekton de federacio. La rezultato estis, ke, krom Nova Sud-Kimrujo, la ekzistantaj aŭstraliaj ŝtatoj konsentis formi federalan unuiĝon. La ŝtato Nova Sud-Kimrujo estis preta partopreni en la unuiĝo, sed postulis, ke la ĉefurbo estu interne de ĝiaj landlimoj. La aliaj ŝtatoj konsentis, sed postulis, ke la ĉefurbo estu pli ol cent mejlojn malproksime de Sydney, la nuna ĉefurbo de Nova Sud-Kimrujo. En 1899 la afero estis kontentige fiksita. La unua federala parlamento kunvenis en Melburno dum majo 1901. La brilega malferma ceremonio estis farita de lia moŝto, duko de Jorko, nun reĝo Georgo Va de Anglujo. Dum la unua kunsido la parlamentanoj montris la deziron tuj elekti lokon por la ĉefurbo. La afero estis transdonita al komisionoj, kiuj veturadis milojn da mejloj kaj esploradis multajn proponitajn lokojn. Fine ili finis siajn laborojn, kaj la parlamento decidis, ke la Dalgety regiono havus la honoron enhavi la federalan teritorion, ĉe kiu estos starigita la ĉefurbo. Tiun decidon oni nuligis pli poste; multe da kunsidoj estis faritaj kaj multe da tempo perdita pro la agoj de la propetantoj de konkurantaj lokoj, inter kiuj la fine elektita loko eĉ ne estis nomita. La 14 decembro 1908 multaj lokoj — inter ili Canberra (elparolu Kenbra) — estis metitaj al la preferaj balotadoj. Unu post unu nomoj estis forstrekitaj, kaj fine Canberra estis elektita — ne ĉar ĝi estas la plej bona loko por la estonta ĉefurbo — tia ĝi tre certe ne estas — sed ĉar ĝi havis la apogon de la propetantoj de aliaj neakceptitaj lokoj, kiuj decidis, ke lokoj proponitaj de la konkurantoj ne estu elektitaj.

Komencante, oni pensis, ke Canberra estos la malplej favorita el ĉiuj lokoj, sed pro la malvasteco de la agado de la parlamentanoj, kiuj ne konsideris la aferon el nacia vidpunkto, ĝi estis fine elektita prefere ol multaj aliaj pli taŭgaj lokoj. Dum postaj kunsidoj oni penis nuligi la decidon kaj prokrasti la komencon de la konstruo de l'urbo, sed ambaŭ proponoj ne prosperis, kaj Canberra estonte fariĝos la sidloko de la federala registaro de Aŭstralio.

La federala teritorio enhavis proksimume 887 anglajn kvadratmejlojn, t. e. 230.957 hektaroj, kaj oni povas diri, ke ĝi troviĝas en la sudorienta angulo de la ŝtato Nova Sud-Kimrujo, kvindek mejlojn sude de la urbeto Queanbeyan, tra kiu kuras la vagonaro inter Melburno kaj Sydney. La tempo okupata de la vagonaro el Sydney ĝis Queanbeyan estas ses horoj, kaj el Melburno ĝis Queanbeyan dekdu horoj. Kiam la fervojo el Queanbeyan ĝis Canberra estos konstruita la vojaĝo daŭros ok horojn el Sydney kaj dekkvar el Melburno. La solaj vidindaĵoj de la regiono estas la akvofaloj de la rivero Cotter, London Bridge — natura truego inter la montegoj — kaj la Yarrangobilly kavernoj. Ĉi tiuj formiĝis en la kalkŝtona montego per la agado de subtera akvo, kaj en unuj el la grandaj salonegoj la montro de stalaktitoj kaj stalagmitoj estas mirinde bela kaj kaŭzas la admiron de ĉiuj vizitantoj.

La federala regiono ankaŭ enhavas Jervis Bay. Estonte tiu ĉi fariĝos la haveno de la federacio.

La loko rezervita al la ĉefurbo estas granda ebenaĵo, ĉirkaŭata per zono de montetoj. La ebenaĵo estas preskaŭ senarba, sed malaltaj ondlinioj formas agrablan pejzaĝon, kiun la urbaj desegnistoj valorigis; ankaŭ la vidaĵo de bluaj montoj malproksimaj estas ne malŝatata. Tra la ebenaĵo serpentumas la rivereto Molonglo. Ĉe unu loko la ebenaĵo mallarĝiĝas. Unuflanke de ĉi tiu mallarĝejo troviĝas monto Ainslie. Sude staras monteto Canberra. Kiam oni staras sur la monteto de la Kapitolo, 60 metrojn super la ebenaĵo, la Molonglo fluas laŭ la maldekstra flanko, kaj oni vidas, transe, la konstruaĵojn de la administra oficejo kaj la novan domon, kiun oni konstruis sub la ombro de monto Black, por lia moŝto la Administranto. Dekstre de monteto Kapitolo staras monto Pleasant, ĉe kies dorsa flanko estas la Reĝa milita lernejo. En la direkto de la montetoj, kiuj kaŝas Queanbeyan, kuŝas la ekstremaĵo de la Canberra ebenaĵo. Interesa objekto meze de la konstruota urbo estas malnova preĝejo. Tiu estas nova en ĉi tiu lando de novaĵoj. Oni konstruis la preĝejon en jaro 1843. Laŭ la angla kutimo, sed ne la aŭstralia, oni enterigis la mortintojn apud la sankta domo. Pro la kunfanditaj sentoj de respekto por la mortintoj kaj fiereco en la posedo de vera antikvaĵo oni lasos ankoraŭ stari la hedero-kovritan kaj saliko-ŝirmatan preĝejon inter la grandiozaj kaj imponantaj novaj konstruaĵoj.

*(Daŭrigota.)* *Ch. W. Ballard*, Malvern (Aŭstralio).

## ✽ NOTOJ ✽

.·. **Homaro sur la terglobo.** — La ĝenerala nombro de la homoj sur la terglobo atingas 1.500.000.000. La homaro parolas 3064 malsamajn lingvojn kaj konfesas milon da religioj. Ĉiujare mortas 35.200.000 homoj, naskiĝas 36.800.000. Do, ĉiujare la homaro plimultiĝas je 1½ miliono. La meza aĝo de la homo estas 38 jaroj, sed 25 % mortas antaŭ la 17a jaro. El milo nur unu atingas 100 jarojn. Geedzaj homoj kaj homoj vivantaj per laboro postvivas ĉiam gefraŭlojn kaj nelaborantojn. Sovaĝuloj kaj duonsovaĝuloj malaperas pli rapide ol civilizitaj popoloj. — Trad. *A. Koh.*

.·. **La viandprovizado.** — Pri la problemoj de la tutmonda provizado per viando parolas la rusa „Tergova promiŝlenaja gazeta". La industria potenciĝo malfavore influas je la brutedukado, viandmanko aperas. Germanujo sentas tion jam 10 jarojn; ĝia brutedukado malgrandiĝas kaj estas necese importi la fremdan bruton. Anglujo, la ĉefa konsumanto de viando, konstatas pli malgrandan importon. La fablo pri la neelĉerpeblaj transoceanaj trezoroj viandaj falas: Usono ŝanĝiĝas de lando eksporta al lando importa. Argentino ne plimalgrandigis ja la eksporton de la bovaĵo, sed ĝi ankaŭ ne pligrandigis ĝin; ĝia ŝafedukado plimalgrandiĝis de 1910—1912 je 9 %. Novzelando malgrandigis sian importon je duono, Aŭstralio pligrandigis ja la eksporton de bovaj kvaronoj je 200.000 pecoj en 1912 rilate al 1910, sed malgrandiĝis la nombro de ĝiaj ŝafoj liverataj al Eŭropo. La provoj plimultigi la brutaron en Kanado malsukcesis; kompanio de Chicago malprofitis tie 1.300.000 dolarojn; malhelpas tie la klimato kaj manko de nutraĵo. Kaj tial turnas sin la okuloj de la tutmondaj soci-ekonomiistoj al Ruslando, kies azia stepoj, ne taŭgaj kiel kampoj, prezentas milionhektarojn da paŝtejoj

por brutaro. La rusa registaro dediĉas jam atenton al tiu demando rajte supozante, ke la nunaj senvivaj stepoj rusaj povus, per rilate malgranda peno kaj sufiĉa kap.talo, ŝanĝiĝi al grandaj provizejoj de brutaro. — *R. H.*

.˙. **Konsumaj societoj en Rusujo.** — La disvolviĝo de konsumasocioj en Rusujo sufiĉe rapide progresis dum la lastaj jaroj. Dum la periodo de 1865 ĝis 1895 aperis 321 konsumasocioj en tuta Rusujo. Meznombre tio donas po 10 societoj dum unu jaro — cifero ridinde mizera. En tiuj ciferoj montriĝas ankoraŭ dormo aŭ plena premiteco kaj senmoveco de duonservuta Rusujo Dum dekjaro; ĝis 1905-jaro, la afero iom ekŝanĝiĝas. De 1896 ĝis 1905 aperis 1056 societoj, t. e. estis aperantaj meznombre po 100 societoj konsumaj ĉiujare. Signoj de vekiĝo estas rimarkeblaj.

Fine, dum 5 jaroj post la revolucio, de 1906 ĝis 1911 aperis 5279 societoj, t. e. meznombre po unu milo ĉiujare. Certe, tiu cifero por pli ol centkvindekmiliona Rusujo estas malgranda, sed tiu cifero montras grandan kaj senduban vekiĝon. Por klarigi al kiu klaso rilatas tiu vekiĝo, ni rigardu ciferojn pri kresko-nombro de la konsumsocietoj de diversaj kategorioj. Meznombre ĉiujare estis aperintaj:

| Periodoj | Konsumsocietoj: Kamparanaj kaj laboristaj (ne fabrikaj) | Fabrikaj kaj fervojaj | Urbaj kaj metiaj | Oficistaj kaj oficiraj |
|---|---|---|---|---|
| 1865—1895 | 3 | 9 | 6 | 2 |
| 1896—1905 | 81 | 24 | 35 | 4 |
| 1906—1911 | 801 | 36 | 86 | 4 |

Oni vidas ke privilegiaj konsumsocietoj, nobelaj (oficistaj kaj oficiraj) estas malmultaj; konsumsocietoj vilaĝanaj kaj laboristaj progresas rapide. — Trad. *Pastro Seriŝev* (Tomsk).

.˙. **La nombro de la leterkestoj.** — Laŭ lastatempa statistiko de la Universala Poŝta Unio, Germanujo havas la plej grandan nombron de leterkestoj: 155.700, Usono sekvas kun 144.600. Poste venas Francujo 79.700, Britujo 71.900, Japanujo 67.000, Aŭstrio 44.400, Italujo 39.700, Rusujo 31.700, Hungarujo 15.000, Svisujo 13.400, Danujo 12.000, Belgujo 11.100. La landoj havantaj malpli ol 10.000 leterkestojn estas: Hispanujo 9000, Nederlando 6200, Portugalujo 6100, Norvegujo 5200, Rumanujo 4800, Sud-Afriko 4000, Bulgarujo 3300, Argentino 2600. Fine oni trovas 17 kestojn en Persujo kaj 6 en Abisinujo.

.˙. **Lernado de fremdaj lingvoj.** — Laŭ la jarraporto de Helsingforsa finna normaliceo oni uzis en tiu lernejo sekvantajn hornombrojn semajne por la lernado de fremdaj lingvoj:

| | Klasika fako | Reala fako |
|---|---|---|
| Finna | 24 | 24 |
| Sveda | 22 | 22 |
| Germana | 14 | 20 |
| Rusa | 10 (+ 10) | 24 |
| Latina | 38 | 0 |
| Greka | 0 (+ 10) | 0 |
| Franca | 6 | 12 |
| Angla | 0 | 4 |

La horoj interkrampe cititaj estas interŝanĝeblaj Por komparo ni citas ankaŭ la nombron de horoj uzataj por la gepatra lingvo. Por la lernado de fremdaj lingvoj ni do uzas en klasika fako sume 100 horojn el 248, t. e. pli ol 40 %, en la reala fako 82 el 252, t. e. 32,5 %. Se ni ankoraŭ observas, ke inter tiuj cititaj sumoj hornombroj (248 resp. 252) estas kunkalkulitaj fakoj kiel desegnado, gimnastiko, kaligrafio, ktp., kiuj ne postulas hejmlaboron, ni povas sen troigo diri, ke la lernanto uzas preskaŭ duonon de sia tuta lernotempo por la studado de fremdaj lingvoj. Kia malrilateco! Kiom da tempo ni devas forpreni de la studado de pli utilaj kaj nepraj fakoj, por lerni la diversajn lingvojn. Sed ekzistas ja unu vojo por la korektigo de tiu malbonaĵo: Esperanto. — *Finna Esperantisto.*

.˙. **Japana metodo por revivigi mortintojn.** — Tiu metodo, nomata *Kuatsa* (tutiga parto de la fama *jiu-jitsu*), estas uzata de la Japanoj por revivigi la malfeliĉulojn, kiujn buĉis mortiga batalo, sed, de kelka tempo, oni konstatis, ke oni povas ankaŭ ĝin uzi por kuraci asfiksion, sunfrapojn, dronadojn kaj aliajn svenajn okazojn.

Jen el kio konsistas tiu metodo: La paciento kuŝas kun vizaĝo kontraŭtere kaj etenditaj brakoj. Venas la operacianto, kiu forte frapas per sia pugno la sepan cerban vertebron, kun la reguleco de forĝisto martelumanta. Tuj kiam iom reviviĝas la preskaŭ-mortinto, oni sidigas lin kaj turnas liajn brakojn. Poste oni lin helpas marŝi. Tute necese estas fari tiun lastan movadon, sen kio la malfeliĉulo baldaŭ refalus en senkonsciecon. La esenca parto de tiu metodo estas la regula frapado de la sepa vertebro, dank'al kio oni povas ricevi la koran reflekson. La redaktoro de „*New-York Medical Record*", kiu raportas tiujn faktojn aldonas, ke li mem ofte eksperimentis tiun metodon, kiu ĉiam donis vere miraklajn rezultatojn. — *M. G.*

.˙. **La japanaj libroj.** — Oni ĵus publikigis en Tokio statistikon pri la apero de libroj depost 1910. Ĝi enkalkulas 41.620 volumojn kaj broŝurojn. Politiko kaj komerco aŭ industrio okupas la plej gravan parton, ĉirkaŭe 30 %. Religio kaj literaturo formas la 12 %. Romanoj estas de 450 aŭtoroj. Tradukoj de fremdaj romanoj estas tre malmultaj: nur 6. Ĉiuspecaj kompilaj verkoj kaj precipe vortaroj estas multaj.

Oni eldonas multe pli da libroj, ol oni vendas, kaj konsekvence multaj librejoj ne prosperas. Libroj estas kompare karaj; precipe romanoj, ĉar ili estas presitaj sur valoran paperon kaj kutime zorge eldonitaj. Aĉetantoj estas nemultaj, ĉar mono ne cirkulas kiel en Eŭropo. Estas pli da malriĉuloj ol da mezklasuloj, kaj ĝenerale ĉiu necese estas ŝparema. Revuoj cetere konkurencas librojn, kiel en Franclando, eĉ plie.

Resume, Japanlando, malgraŭ siaj progresoj, sur la intelekta kampo restas malantaŭ la okcidentaj landoj. La plej granda nombro da Japanoj sin ekskluzive okupas pri komercaferoj kaj dediĉas nur mallongan tempon al meminstruo (aŭtodidakta instruo). Alia bariło ankaŭ atentinda estas, ke la japanaj librejoj ne povas eksterlanden vendi. Tre malmulte da librejoj de Tokio aŭ de aliaj urboj havas klientojn en najbaraj aŭ malproksimaj landoj. Je libreja vidpunkto oni ne povas paroli pri Japanoj loĝantaj en Ameriko, ĉar ĉi tiuj ekskluzive atentas nur pri sia negoco aŭ pri sia mana profesio. — *L. P.* (L.).

.˙. **La tutmonda komerco de la tabako.** — La tutmonda komerco de tabako atingis en 1912 la sumon da 2.500.000.000 frankoj. La plej gravaj eksportadoj tiel interdividiĝas: 611 milionoj da frankoj por Usono; 504 milionoj por Cuba; 368 milionoj por Nederlanda Hindujo; 112 milionoj por Britlando; 106 milionoj por Brazilujo; 56 milionoj por Nederlando; 44 milionoj por Egiptujo; 40 milionoj por Aŭstrio-Hungarujo; 24 milionoj por Germanlando, same por Meksikujo kaj por Ĥinujo; 20 milionoj por Franclando, kaj same por Alĝerio; 17 milionoj por Japanlando; 12 milionoj por Hindujo, kaj same por Svislando; 8 milionoj por Italiando.

La plej gravaj importoj estas: 560 milionoj por Germanlando; 480 milionoj por Usono; 40 milionoj por Britlando; 160 milionoj por Aŭstrio-Hungarujo; 152 milionoj por Francland ktp. — *L. P.* (L).

# Al niaj Abonantoj

**La pli granda parto de niaj abonoj finiĝas en tiu monato. Ni do petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri la finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 5 frankojn (2 Sm.).**

**La jara abono al la luksa eldono, presata sur pli bona papero kaj broŝurita, kostas 6,25 frankojn (2,50 Sm.). Tiu luksa eldono estas aparte rekomendinda al personoj dezirantaj konservi la gazeton por la bindado.**

# LITERATURO

FELIETONO

## POST LA BALO

Postmorta rakonto de *L. N. Tolstoj*
Tradukis *Anatolo Koĥ* (Varsovio)

**La rakonto „Post la balo" estis pripensita en la komenco de junio 1903 kaj estis antaŭdestinita por hebrea rakontaro al celo utili al tiuj, kiuj suferis dum la ekstermo en Kiŝinevo[1]. Sed por la rakontarlibro estis donita, proksimume dum la sama tempo verkita „Tri fabeloj", kaj la rakonto „Post la balo" estis forlasita. Tiu ĉi rakonto estis verkita dum unu tago, verŝajne la 8 aŭ 9 aŭgusto, kaj komence estis titolita „La filino kaj la patro". Poste ĝi estis kelkafoje korektita de la aŭtoro, transskribita, retitolita „Sed vi diras", kaj fine, post la lasta prilaboro oni donis al tiu ĉi rakonto la titolon „Post la balo".**

— Jen vi diras, ke homo ne povas per si mem kompreni, kio estas bona, kio — malbona, ke ĉio dependas de la medio, ke la medio premas. Sed mi opinias, ke ĉio dependas de la okazo. Jen mi diros pri mi . . .

Tiel ekparolis de ĉiuj estimata Ivan Vasiljeviĉ post la interparolado, kiun ni faris pri tio, ke estas necese por la persona perfektiĝo antaŭe ŝanĝi la kondiĉojn, en kiuj vivas la homoj. Neniu, vere, diris, ke oni ne povas mem kompreni, kio estas bona, kio — malbona, sed Ivan Vasiljeviĉ havis la kutimon respondi siajn proprajn pensojn, aperantajn sekve de la interparolo mem, kaj rilate al tiuj ĉi pensoj rakonti epizodojn el sia propra vivo. Ofte li tute forgesis motivon, pro kiu li rakontas, entuziasmiĝante je siaj paroloj, tiom pli, ke li parolis tre sincere kaj vereme.

Same li faris ankaŭ en tiu tago.

— Mi citu ekzemplon pri mi. Mia tuta vivo kunmetiĝis tiel, kaj ne alie, ne pro la medio, sed tute pro alia kaŭzo.

— Nu, pro kio? demandis ni.

— Ĝi ja estas longa historio. Por komprenigi, oni devas multon rakonti.

— Do vi rakontu.

Ivan Vasiljeviĉ enpensiĝis, skuis la kapon.

— Jes — li diris — mia tuta vivo ŝanĝiĝis pro unu nokto aŭ, pli ĝuste, mateno.

— Nu, kio do okazis?

Okazis tio, ke mi estis tre enamiĝinta. Enamiĝadis mi multfoje, sed tiu ĉi estis mia plej forta amo. La afero estas pasinta; ŝi havas jam edziniĝintajn filinojn. Ĝi estis B . . ., jes Barbanjo B . . . — Ivan Vasiljeviĉ diris la familian nomon. — Ŝi eĉ kvindekjara estis mirinda belulino, sed dum juneco, je aĝo de dekok jaroj, ŝi estis belega: altkreska, belforma, gracia kaj majesta, ĝuste majesta, ŝi sin tenis ĉiam neordinare rekte, kvazaŭ alie ŝi ne povis, klininte iomete posten la kapon, kio donis al ŝi, kun ŝia beleco kaj altkresko malgraŭ ŝia malgraseco kaj eĉ ostanguleco, ian reĝan aspekton, kiu fortimigus de ŝi, se ne estus afabla, ĉiam gaja rideto de la buŝo kaj de la belegaj, brilantaj okuloj, kaj de tuta ŝia ĉarma, juna estaĵo.

— Jen kiel Ivan Vasiljeviĉ pentras!

— Tiel mi pentras; tamen pentri tiel, ke vi komprenu, kia ŝi estis, oni ne povas. Sed tio ĉi ne estas la ĉefa afero. Tio, kion mi intencas rakonti, okazis en kvardekaj jaroj (je 1840). Tiam mi estis studento en provinca universitato. Mi ne scias, ĉu bone estas, aŭ malbone, sed ni havis tiutempe en nia universitato neniajn rondetojn, neniajn teoriojn, kaj estis ni simple junaj kaj vivis, kiel konvenas al juneco: ni lernis kaj gajis. Mi estis gaja kaj vigla junulo, kaj krom tio riĉa. Mi havis bravan ambloĉevalon, mi glitveturadis de la montetoj kun la fraŭlinoj (piedglitiloj ankoraŭ ne estis modaj), mi diboĉadis kun la kolegoj (tiutempe ni nenion, krom ĉampanvino, drinkis; kiam la mono mankis — tiam ni drinkis nenion, sed ni ne drinkis, kiel oni nun faras, brandon). Mia ĉefa plezuro estis vesperfestoj kaj baloj. Mi dancis bone, kaj mi estis ne malbela.

— Ne, ne estu modesta, interrompis lin unu el kunparoladintoj. — Ni ja konas vian eĉ dagerotipan portreton. Vi estis ne nur ne malbela, sed belulo.

— Belulo, nu ĝi estu belulo, kaj ne en ĝi estas la ĉefa afero. Sed ĝi estas en tio, ke dum mia, tiu ĉi sama, forta amo je ŝi, mi trafis, dum la lasta tago de karnavalo, la balon ĉe gubernia nobelestro, bonanima maljunulo, riĉulo, gastemulo kaj ĉambelano. Gastojn akceptadis same bonanima, kiel li, edzino lia, en velura robo, kun brilianta kapornamaĵo kaj kun malkovritaj, maljunaj pufiĝintaj blankaj ŝultroj kaj brusto, kiel portretoj de Elizabeto Petrovna[1]. La balo estas bonega. La salono belega, kun ĥorejo, la muzikistoj — famaj tiutempe servutuloj de bienhavanto-amatoro, la bufedo mirinda kaj tuta maro de ĉampanvino, sed mi ne drinkis tial, ke sen la vino mi estis ebria de amo; tamen mi dancis ĝis laciĝo valsojn kaj polkojn, kompreneble, kiel eble plej, kun Barbanjo. Ŝi estis en blanka robo kun rozkolora zono kaj en blankaj glazurataj gantoj, iom ne atingantaj la malgrasajn, pintajn kubutojn, kaj en blankaj atlasaj ŝuetoj. Mazurkon forprenis de mi kanajla inĝeniero Anisimov — mi ĝis nun ne povas pardoni ĝin al li — li invitis ŝin, tuj kiam ŝi eniris, mi do preterveturante haltis ĉe la frizisto, por preni la gantojn kaj malfruiĝis. Do la mazurkon mi dancis ne kun ŝi, sed kun unu germanino, kiun mi iom amindumis antaŭe, sed mi timas, tiun vesperon mi estis tre neĝentila al ŝi, mi ne parolis kun ŝi, ne rigardis ŝin, sed vidis mi nur altan, belforman figuron en blanka robo kun rozkolora zono kaj ŝian serenan, ruĝetiĝintan, kun vangkavetoj vizaĝon kaj afablajn, ĉarmajn okulojn. Ne mi sola, — ĉiuj rigardis ŝin kaj plezuriĝis je ŝi, plezuriĝis la sinjoroj kaj sinjorinoj, malgraŭ tio, ke ŝi superis ilin ĉiujn. Oni ne povis ne plezuriĝi.

Laŭleĝe, tiel diri, la mazurkon mi dancis ne kun ŝi; sed fakte mi dancis preskaŭ la tutan vesperon kun ŝi. Ŝi, ne konfuziĝante, tra la salono tuta sin direktadis rekte al mi, kaj mi eksaltadis, ne atendante la inviton, kaj ŝi per rideto dankis min por mia konjekto. Kiam nin, sinjorojn oni alkondukadis ĉe ŝin, kaj ŝi ne divenis mian dancludon, ŝi etendante la manon al mi, levetis la malgrasajn ŝultrojn kaj, en signo de bedaŭro kaj de konsolo, ridetis al mi.

Kiam oni faris figurojn en la mazurko per valso, mi longe valsis kun ŝi, kaj ŝi, ofte spirante, ridetante, diris al mi: *„encore"*, kaj mi valsis ankoraŭ kaj ankoraŭ, kaj mi ne sentis mian korpon.

— Nu, kiel do vi ne sentis; kiam vi ĉirkaŭbrakis la talion, ne nur vian, sed ankaŭ ŝian korpon vi sentis, mi pensas — diris unu el gastoj.

Jes, jen vi, nuna junularo. Vi krom la korpo nenion vidas. Niatempe ĝi estis ne tiel. Ju pli forte mi estis enamiĝinta, des pli senkorpa ŝi iĝis por mi.

Vi nun vidas piedojn, maleolojn kaj ankoraŭ ion, vi senvestigas virinojn, je kiuj vi estas enamiĝintaj, sed por mi, kiel diris Alfons Karr — bona li estis verkisto — sur la objekto de mia amo ĉiam estis bronzaj vestoj. Ni ne nur ne senvestigis, sed penis kovri la nudecon, kiel bona filo de Noe. Nu, vi ja ne komprenos.

— Ne auskultu lin. Kion plu? — diris unu el ni.

*(Daŭrigota.)*

[1] En Rusujo komence de la okdekaj jaroj de pasinta jarcento bedaŭrindan famon ricevis *„hebreaj ekstermoj"* (ruse: „pogrom'oj") kiuj printempe de 1881 okazis en Odessa, Balta, Elezavetgrad, Nijnij, Novgorod kaj cet. urboj, precipe en Suda Rusujo; *ekstermoj* tiuj estis sekvitaj de mortigadoj kaj forraboj. Nova „eksterma" serio trapasis Rusujon en komenco de la XXa jarcento, komenciĝinte de Kiŝineva (Kiŝinev — estas urbo loĝata de multaj hebreoj) ekstermo en aprilo 1903, kiu estis sekvita de mortigado, teruraj turmentegoj, forrabo de hebrea havaĵo, ktp. Tuj post apero de manifesto de 17 oktobro 1905 estis organizataj tra tuta Rusujo (pli ofte de „dekstraj" politikaj partioj kun scio de polico) hebreaj ekstermoj, kaj en kelkaj lokoj eĉ kontraŭinteligentaj ekstermoj, kontraŭstudentaj, negocistaj. *Rim. de l' trad.*

[1] Imperiestrino Elizabeto (1709—1761). *Rim. de l' trad.*

# Bileto de blankbarbulo

*Ni estu bonaj laboristoj!*

*Antaŭ kelkaj semajnoj multaj inter ni, francaj instruistoj kaj profesoroj, trovis en sia lerneja, licea aŭ universitata leterfako, novajn prospektojn de la idista propagandejo Couturat & Ko. Novajn, mi diras; pli ĝuste „denove“, ĉar jam la kvinan aŭ sesan fojon samajn paperajojn oni sendas al ni.*

*La vesperon mem post ilia ricevo, ili ja plenigis la paperkorbojn, en kiujn, eĉ ne leginte ilin, oni estis ilin ĵetinta.*

*Ĉiuj tiuj polemikoj tedas niajn kolegojn aŭ lasas ilin indiferentaj. La plimulto tre dubas pri la ebleco de ia ajn internacia lingvo, sed — ĉar viroj prudentaj — ili estas konvinkitaj, ke, se Esperanto, kiu ekzistas jam de multaj jaroj kaj faris multajn servojn, ne sukcesas, neniu alia lingvo sukcesos.*

*Plene egale estas al ili, ĉu la multnombreco en Esperanto montriĝas per iu aŭ alia litero, ĉu ni uzas la akuzativon aŭ ne, ĉu ni enkondukos aŭ ne novajn sufiksojn, ĉu ni ŝanĝos nian alfabeton, anstataŭos* k *per* q *aŭ* ç *kaj senĉapeliĝos kelkajn literojn. Tio, kion ili demandas — kiam ili ion demandas — estas: „Ĉu via propagando progresas? Ĉu ekzistas Esperantistoj en fremdaj landoj? Kiun plifaciligon, kiun utilon povas alporti Esperanto al la internaciaj interrilatoj?“*

*Kaj vere en afero, kiu — kiel mirinde montris S-ro R. de Saussure antaŭ kelkaj jaroj — allasas neniun nepre sciencan solvon, en afero antaŭ ĉio socia kaj „konvencia“, kie gravas nur plena interkonsento, en tia afero sole la* praktika *profito decidiĝos ian tagon inter ni kaj niaj konkurantoj.*

*Sed per faktoj, ne per teorioj konvinke evidentiĝos la utilo.*

*Mi tre deziras, ke en niaj vicoj ankaŭ ĉiuj estus konvinkitaj pri tio. Ni tiam ne plu perdus nian laborpovon, nian laborforton, nian labortempon, ĉu en diskutado, kiu kondukas al nenio kaj povas konduki al nenio, se ne al senfrukta skeptikismo, ĉu en cedoj, kiuj kontentigas nur sian aŭtoron kaj, por eble konservi al ni ian „studĉambrulon“ — ĝenerale ne taŭgan por ia ajn propagando — forigas de ni dek agemulojn kaj fine malkuraĝigus ĉiujn utilajn pionirojn en verko, kiu ne estas enfermita en la limoj malvastaj de la lingva kampo.*

*Nepre forĵetinda estas la stranga politiko, kiu subfosas la krediton de nia lingvo kaj ĝin „memmortigas“ por certigi al ĝi la vivon!*

*Sed ni, konstatinte kaj elprovinte sur ĉiuj kampoj la plenan taŭgecon de la ilo donita al ni de D-ro Zamenhof, ni ne forkonsumos niajn fortojn, nian tempon, serĉante en ĝi, en nesana malmodesteco, imagitajn mankojn.*

*Bonaj, agemaj, fidelaj laboristoj, ni daŭros ĝin propagandi, ĝin utiligi plenkonfide por la bono de l'homaro!*

Th. Cart.

# KRONIKO

**Ni rememorigas, ke por la redakto de tiu rubriko ni bezonas la kunlaboradon de ĉiuj legantoj, speciale de ĉiuj Delegitoj de UEA. Ni plezure enpresos ĉiujn *freŝajn* informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp. Oni bonvolu skribi koncize kaj tre legeble. Por esti enpresataj en la plej proksima N-ro, ĉiuj komunikajoj devas esti ricevataj de ni *antaŭ la 10a kaj 25a de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.***

***La redakcio.***

## Aŭstrio-Hungario.

*Budapest:* Sukcesa vesperfesteno okaze de la naskiĝo de D-ro Zamenhof; 110 ĉeestantoj. — La Hungara Esp. Laborista Asocio fondita en 1913 havas nun 200 membrojn kaj 3 grupojn; la societo aranĝas nun en Budapest 10 kursojn por ĉirkaŭ 500 lernantoj. — *Loštice:* La 8 januaro S-ro Verner, Del., malfermis en burĝa lernejo kurson kun 45 anoj. — *Plzen:* La direkcio de la germana Franz Josefs Handelsakademie aranĝos depost februaro Esp. kurson sub gvidado de S-ro P. Novohradsky, Del.

## Francujo.

*Beauvais:* La 25 decembro okazis ĉe la Komerca Ĉambro parolado de S-ro Demarcy por la poŝtoficistoj. — *Château-Thierry:* La decembra bulteno de la „Iniciata Sindikato“ havas longan raporton pri Esp. kaj la Berna Kongreso, verkitan de S-ro Delanoue, Del. — *Paris:* Pro la alproksimiĝo de la Xa Kongreso la Parizaj samideanoj senripoze laboras kaj ageme varbas novajn aprobantojn. Ĉe la lasta monata vespermanĝo de la Pariza grupo, la 12 januaro, ĉeestis pli ol 100 personoj kaj inter ili multaj nov-esperantaj eminentuloj: S-ro Noblemaire, honora direktoro de la Fervoja Kompanio P. L. M.; P-ro Richet, de la Franca Instituto, gajninto de premio Nobel 1913; Kolonelo Reyard; aviadistoj Farman kaj Esnault-Pelterie; F-ino Dussane de la Comédie Française, kaj S-ino de Ménil, k. a. Krom tiuj eminentuloj, kiuj diris sian konfidon al la fina venko de Esp., parolis france aŭ Esperante: S-ro Generalo Sébert, S-roj Rollet de l'Isle, prezidanto de la S. F. P. E., Bricard, prezidanto de la Pariza grupo kaj Archdeacon, vicprezidanto. — *Poitiers:* Fondiĝis grupo de la Esp. Junularo; prezidanto estas S-ro Lelarge, laŭreato de la konkurso Michelin; 100 anoj.

## Germanujo.

*Bamberg:* La kurson por poŝtoficistoj, gvidatan de S-ro O. Reber, vizitas 26 anoj. La 11 januaro okazis la unua ĉefkunveno de la „Oberfränkische Esperanto-Verband“. S-ro Reber, reĝa supera poŝtinspektoro, malfermis la laboran kunsidon per salutaj vortoj; el la diversaj raportoj oni vidas, ke la agado de la ligo havis tre ĝojigan rezultatojn. Vespere okazis komuna promenado tra la urbo. — *Dresden:* La „Unuiĝo Zamenhof“, Striesen, en sia jara kunveno elektis la jenan estraron: Täschner, prezidanto; Köllner, sekretario; Frenzel, kasisto. — *Heidelberg:* La 14 januaro S-ro D-ro Mulert, Del., kun helpo de S-ro P-ro D-ro Leimbach, faris paroladon ĉe la bontemplanoj. — *Leipzig:* La grupo „Leibniz“ solenis la kristnaskan feston je la 5 januaro. La sekvintan tagon S-ro Havelka, fama propagandisto, nun P-ro en Tomsk, faris Esp. paroladon pri sia vojaĝo.

## Hispanujo.

*Barcelona:* La societo „Paco kaj Amo“, kies nova sidejo estas str. Asturias 1, elektis en la lasta ĝenerala kunsido jenan komitaton: Prezidanto: P. Pérez; vicprezidanto: M. Bancells; sekretario: S. Alberich; vicsekretario: A. Barba; kasisto: K. Redondo; kalkulistino: D. Bosch; bibliotekistino: D. Barba; voĉdonantoj: M. Rotllan kaj J. de Rocafull. — *Palma:* Dum la lasta kunsido de la Esp. Societo, la 14 januaro, la prezidanto, S-ro G. Alomar, kaj la sekretario, S-ro J. Aguilo, faris paroladojn pri Esperanto kaj UEA antaŭ multnombra publiko. — *Sabadell:* La societo „Aplech Esp. Grupo“ en la ĝenerala kunveno elektis jenan komitaton: Prezidanto: S. Esteve, vizprezidanto: A. Costajusa; sekretario: J. Sobré; vicsekretario;

M. Vingals; kasisto: N. Ullar; vickasisto: J. Junca; bibliotekisto: J. Olive; vicbibliotekisto: J. Comadrán. — *San Feliu de Guixols:* La societo „Esp. Lernejo" malfermis du kursojn kun 22 anoj.

## Italujo.

*Cortemaggiore:* Fondiĝis Esp. grupo la 8 januaro; la decembra kurso estis vizitata de 37 anoj. — *Fiorenzuola d'Arda:* Nova grupo estas fondita. — *Milano:* S-ro P-ro Colonnese, Del., malfermis du kursojn en la reĝa teknika lernejo; 77 lernantoj. — De januaro „Itala Esperantisto" translokiĝis sian eldonejon de Ĝenovo al Milano. — *S. Arcangelo:* La 4 januaro fondiĝis Esp. grupo; la antaŭan kurson vizitis 22 lernantoj.

## Nederlando.

*Hago:* La urbestraro decidis organizi novan kurson por plenaĝuloj. — Okaze de la naskiĝtago de D-ro Zamenhof, la grupoj „Fine ĝi venkos" kaj „Ĉiam antaŭen" aranĝis festeton; 500 ĉeestantoj. — *Rotterdam:* La grupo „Verda Stelo" solenis la naskiĝtagon de D-ro Zamenhof per du festkunvenoj la 19 kaj 22 decembro.

## Rusujo.

*Moskvo:* S-ro A Prager, komitatano de societo de komizoj vojaĝantaj fondis Esp. grupon „Vojaĝ"; la kursoj estas gvidataj de S-roj Prager kaj Ajspurit. En grava kunveno de la supre nomita societo, kiu havas pli ol 500 membrojn, S-ro Prager legis raporton pri Esperanto.

## Svisujo.

*Lyss:* La 16 januaro S-ro J. Schmid, Del. en Bern, faris paroladon pri Esperanto kaj UEA.

---

# DEKA KONGRESO DE ESPERANTO

**Parizo, 2-10 aŭgusto 1914**

Por ke la „Deka" bone sukcesu, estas nepre necese, ke la Organiza Komitato sciiĝu, kiel eble plej baldaŭ, pri la nombro de la Kongresanoj.

Pro tio, tuj konigu al la Komitato vian aliĝon laŭ jena adreso:

DEKA KONGRESO DE ESPERANTO, 3, place Jussieu, PARIS, France.

Kune sendu vian kotizon per poŝtmandato, ĉeko aŭ transpagilo.

**Atentu!**

*Ĝis la 1 junio 1914, tiu kotizo estas 15 frankoj* (10 frankoj por familianoj: edzino kaj infanoj).

*Post la 1 junio 1914, tiu kotizo estos 25 frankoj* (20 frankoj por familianoj).

Eĉ se vi ne estas certa, ke vi povos veni al la Kongreso, tamen *tuj aliĝu*, ĉar se vi ne ĉeestos, oni repagos al vi vian antaŭpagitan kotizon, deprenante nur unu frankon por oficejaj elspezoj. Sufiĉos, ke vi tion petos, sendante vian provizoran karton, antaŭ la 1 aŭgusto 1914.

Sekve, nenion riskante, vi ricevos grandan profiton, se vi aliĝos antaŭ la 1 junio 1914. Sed vi ricevos pli grandan profiton, se vi aliĝos kiel eble plej baldaŭ, ĉar *la ĉiumonatan Kongresan Gazeton, ĉiu kongresano (escepte la familianoj) ricevos senpage nur depost la tago de sia aliĝo.*

La unua numero aperis la 1 januaro 1914, kaj ĝin ricevis nur la Kongresanoj kies aliĝojn ni estis ricevintaj *antaŭ la 31 decembro 1913.* Ĉar ni presigos precize la sufiĉan nombron da ekzempleroj, al Kongresano kies aliĝon ni ricevos ekzemple en marto, ni sendos la Kongresan Gazeton nur de la 1 aprilo.

*Rimarko:*

Se vi havas presitan aliĝilon, uzu ĝin por sendi vian aliĝon; tio estas preferinda, sed ne necesa.

*La Organiza Komitato de la Deka.*

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj oficialaj institucioj.** — La parlamento de la Ŝtato Rio (Brazilio) sankciis leĝon, ke por la regnaj kaj publikaj oficoj estu preferataj, en egalaj kondiĉoj, la kandidatoj prezentintaj ateston de Brazila Ligo Esperantista pri lernado de Esperanto.

Jen la teksto de tiu leĝo:

Art 1. — Por la publikaj oficoj, ricevotaj post konkurso, estos preferataj, en egalaj kondiĉoj, la kandidatoj, prezentintaj atestojn pri lernado de la internacia helpa lingvo Esperanto donitajn de Brazila Ligo Esperantista.

Art. 2. — En la normalaj lernejoj de la Ŝtato, kiel ankaŭ en la duagradaj, estos permesata, sen malhelpo de la lernlaboroj, la instruado nedeviga de Esperanto per profesoroj indikitaj de Brazila Ligo Esperantista.

Tiu sukceso estas dankinda al nia eminenta samideano, D-ro E. Backheuser, senatano, kiu okaze de la prezento de tiu projekto, faris belan paroladon pri la progresoj de Esperanto.

∴ **Monumento al Esperanto.** — Dank'al la urbestraro de la kuracurbo Franzensbad (Bohemujo) Esperanto baldaŭ havos tie propran monumenton. Jen la koncerna decido de la urbestraro:

1e La kuracurbo Franzensbad senpage disponigas al la loka kongreskomitato belan konvenan lokon en sia parko por la starigo de Esperanto-monumento.

2e Post la finita starigo kaj post la malkovro la kuracurbo prenos sur sin la monumenton kiel propran posedajon kaj tiel zorgos por la ornamo de la monumento, kiel ĝi zorgas por siaj propraj monumentoj.

3e La kuracurbo Franzensbad prenas sur sin ĉiujn antaŭlaborojn, kiujn postulos la starigo de tiu ĉi monumento.

4e Krom tio la kuracurbo Franzensbad devigas sin, pagi 2000 kronojn por la starigo de l'Esperanto-monumento.

La elspezoj por la antaŭlaboro sumiĝas je 1000 kronoj kaj ĉiuj elspezoj por la monumento 6000 kronoj; la kuracurbo Franzensbad pagas la duonon, tiel ke la Esperantistoj devas pagi nur 3000 kronojn. Parto de tiu sumo estas jam kolektita (Ĉiuj donacoj estos danke akceptataj de la Esperanto-Kongreskomitato Franzensbad.) La IVa Tutaŭstria Esperanto-Kongreso okazos en Franzensbad.

∴ **Gazeta statistiko.** — La oficejo de Germana Esperanto-Asocio faris la statistikon de la artikoloj (nur la redakciaj notoj sen la simplaj anoncoj) aperintaj dum 1913 en la germana gazetaro. El tio rezultas, ke en 1019 germanaj urboj aperis *2528* artikoloj; la granda plimulto el ili estas favoraj. La statistiko montras, ke dum la kongresmonatoj la nombro de la gazetartikoloj duobliĝis. Dezirinde estus, ke simila statistiko estu farata en aliaj landoj.

∴ **Esperanto kaj turismo.** — La Stiria Esp. Societo en Graz (Esp. Entrepreno N-ro 300) elektis sekcion por fremdulaj aferoj (turismo) al kiu ankaŭ apartenas kiel membro la sekretario de la Provinca Ligo por fremdulaj aferoj en Stirio. Tiu sekcio celas konigi la belan verdan provincon Stirio en Esperantujo per dissendo de gvidlibroj, aperigo de artikoloj (ilustritaj) pri Graz kaj Stirio en Esp. gazetaro kaj ĉiuj necesaj informoj pri vojaĝo, loĝado, banejoj, somerrestadejoj, vintrosportlokoj, k. c. en Stirio. La sekcio jam sukcesis eldoni ilustritan Esp gvidlibron tra Graz kaj ankaŭ atingis, ke la Provinca Ligo por fremdulaj aferoj eldonis bele ilustritan Esp. gvidlibron pri Stirio. La sekcio ankaŭ jam ricevis monhelpojn por eldono de Esp. gvidlibro tra Graz: 100 kronoj de la urbestraro de Graz kaj 100 kronoj de la Stiria Ŝparkaso. Al la sekcio ankaŭ apartenas kiel sekretario la Del. de Graz, S-ro P. K. Geier (Schönaugasse 6), al kiu oni bonvolu direkti ĉiujn leterojn, mendojn kaj demandojn. Li ankaŭ sendas mallongajn artikolojn pri Graz kaj Stirio por Esp. gazetoj kun kliŝoj, se oni deziras.

Dank'al la klopodoj de UEA kaj de ĝia Delegito en Praha, S-ro Vojtech Kraus, la Bohema landa ligo por fremduloj decidis starigi la Esperanto-Oficejon en sia propra informoficejo, konstante malfermata kaj sidanta ĉe la centro de l'bohema ĉefurbo. Jen

ekstrakto de la letero per kiu UEA estis informita pri tiu decido imitinda de aliaj samspecaj organizaĵoj:

„Bohema landa ligo por fremduloj, komprenante bone la graveco kaj utilecon de la internacia lingvo Esperanto decidis en sia kunveno de 19 decembro post la informo de sia komitatano, S-ro oficejestro Vojtech Kraus, plenumi vian deziron esprimatan en via ŝatata letero kaj fondiĝi en sia oficejo, kiu estas vizitebla tutan tagon kaj troviĝas en la centro de la urbo, la Esperantan informoficejon. Sekve de tio ni prizorgis, ke nia ejo estu evidente signita kiel informoficejo por Esperantistoj, ktp....“

## TRA LA GAZETARO

.·. *Ondo de Esperanto* (januaro): Esperanto en Ruslando dum 1913:

„Kiam oni dum la jaro tralegas la enlandan kronikon, oni ne rimarkas, kian grandan antaŭenpaŝon alportas nun ĉiu jaro de nia movado. Sed resumante en decembro la disajn sciigojn, oni miras, kiel multe da laboro, kiel multe da venkoj enhavas la apartaj, formikaj penadoj kaj kian gravan sumon ili donas kune. La pasinta jaro estis en tiu rilato tre prospera.

„Unue ni rememoru pri la IIa Tutruslanda Kongreso Post la iom malprospera Peterburga, ni longe atendis, ĝis povis okazi la sekvanta, kaj ĝi estis des pli ĝojiga, kaj des pli multe alportis da vigligo kaj unuiĝo.

„La alia brila sukceso — oni povus ĝin meti eĉ sur la unuan lokon — estis la oficiala registara subvencio da 1000 rubloj al Peterburga Societo Esperantista por fondi informejon industriekomercan, subvencio, kiu estas donota ĉiujare. La granda graveco de tiu fakto estas ekster dubo. Samtempe okazis en Peterburgo fondo de l'filioj de diversaj moskvaj Esperantistaj Institucioj, kaj parte dank'al tiuj du faktoj, parte dank'al natura interna procedo, la vivo de peterburgaj societoj ricevis grandan antaŭenpuŝon.

„Sed ne nur al Peterburgo la jaro alportis grandan profiton. Ankaŭ en Moskvo la Societo pli kaj pli vigliĝas. Sed tie precipe antaŭeniras la interna konstruo de l'societo. Multe prosperas en ĝi la ĉiusabataj raportoj kaj teatraĵoj. Same en Peterburgo, Kiev, Odessa, Tomsk, Ĥarkov estis alprenita tiu sistemo de oftaj raportoj k. s., kaj ĝia efiko je la ellaboro de paroladistoj kaj aktoroj estas evidenta.

„En la aliaj societoj, kvankam ne tiel ofte, okazis diversaj interesaj kunvenoj. Krom la ekzistantaj, en 1913 aperis la sekvantaj novaj societoj (ni notas nur la *oficiale registritajn*, kaj ĉiu scias kiel malfacila estas tiu registrado — rememoru la ekzemplon de Dorpat): Stavropol (Kaŭk.), Batum, Blagoveŝĉensk, Peterburgo („Espero“ kaj 6 studentaj), Grodno (Sekcio de Pedag. S-to), Astraĥano, Lodz, Vladivostok, Tomaŝov, Vilno (Sekcio de Termezurista S-to), Omsk (Sekcio de S-to por Meminstruado) — entute 17.

„Nun ni transiru al la ekstera agado de societoj. Ni ne povas citi la sennombrajn kursojn, raportetojn, raportojn kaj vesperojn — tion oni povas serĉi en la kroniko. Sed jen, ekzemple, grandaj propagandaj koncert-baloj estis organizitaj en Astraĥan (900 ĉeest.), Odessa (400), Kiev (270), Tomsk (300), Peterburgo (kvar: 450 + 200 + 250 + 500). Precipe interesa estas por ni la enpenetro de Esp en societojn de specialistoj kaj en la fakajn lernejojn. Dum la pasinta jaro la kursoj estis organizitaj: en Societo de Komizoj-Vojaĝantoj (Ufa), Termezurista lernejo (Ufa), Popola Universitato (Voronej), Komerca lernejo (Serpuĥov), Terkultura lernejo (Zlatopol), Komercaj klasoj (Astraĥano), Termezurista societo (Vilno), k. a. Pri la kursoj en superaj lernejoj kaj universitatoj ni ne parolas, ĉar ili estas tro multenombraj.

.·. Pri la Xa Kongreso la jenaj parizaj ĵurnaloj aperigis favorajn artikolojn: *Excelsior, Le Matin, Le Journal, Le Petit Journal, Le Petit Parisien, Le Journal des Débats, La Presse, La Liberté, L'Eclair, Comœdia* (10—15 jan.). — Pli ol 30 francaj ĵurnaloj regule publikigas la „Porgazetaj komunikaĵoj“'n organizitajn de la S.F.P.E.

.·. *Oficiala Gazeto* (decembro) publikigas diversajn dokumentojn pri la estinta Delegacio, speciale la liston de la eksiĝintaj delegitoj kaj societoj.

.·. *Kulturo* estas titolo de bulgarlingva gazeto celanta disvastigi Esperanton en Bulgarujo per UEA. Ĝi enhavas precipe tradukojn el artikoloj aperintaj en *Esperanto*. (Redakcio: S-ro Malĉev, Ruŝĉuk).

.·. *Provenca Stelo*, nova monata organo de la Provenca Esp. Federacio, kaj *Rodana Stelo*, nova monata organo de Rodana Esp. Federacio. La redakcio-administracio de ambaŭ gazetoj estas: 20, rue Marguerite, Valence (Francujo).

.·. Favoraj artikoloj aperis en: *Schweitzer's Terminkalender für bayrische Juristen* (1914), *La Vie Egyptienne*, Alexandrie (2 jan.), *El Censor*, Bahia Blanca (22 dec.), *O Imparcial*, Rio de Janeiro (11 dec.), *The Age*, Melbourne (12 dec.).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

*La kotizaĵoj por 1914 estas pageblaj al la Delegitoj, aŭ, se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).
*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).
*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).
*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).
*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA provizoran membrokarton en formo de kvitancilo, kaj en februaro la definitivan membrokarton kaj la Jarlibron.*

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 21.750 |
| 107. Emilie Fallek, Paris | 125 |
| 108. Alfred Richardson, Neckarelz, Baden | 125 |
| 109. F-ino F. M. Bartholomew, Letchworth | 125 |
| Frankoj | 22.125 |

Entute (ĝis la 25 januaro) 109 Garantiantoj mendintaj 177 atestojn, valoro 22.125 frankoj (8850 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Oficiala Jarlibro 1914.** — La nova Jarlibro enhavos pli ol 350 paĝojn. Krom la kutima administra enhavo, zorge revidita, korektita kaj kompletigita, ĝi enhavos novajn informojn en la enciklopedia parto, speciale notojn pri la ĉefaj internaciaj institucioj, tabelon de la komercaj Esperantiaj Entreprenoj laŭ specialeco, kaj, en la parto difinita por la statistikaj kaj turismaj informoj, novajn artikolojn pri la Balkanaj landoj, Kanado, Meksikujo kaj Usono. Fine, geografia karto montras la disvastiĝon de nia Asocio en Eŭropo.

Tralegante tiun novan eldonon kaj uzante ĝin, oni facile konvinkiĝas, ke eĉ ĝi sola jam plene kompensas la valoron de la kotizaĵo de UEA.

La Jarlibro estos forsendata dum februaro al la membroj, kies kotizaĵo estos ricevita de la C. O. de UEA. Ĉar — pro la granda nombro de membroj kaj la necesa kontrolo — la ekspedado daŭros plurajn tagojn, povos okazi, ke ekzempleroj de la Jarlibro ne alvenos samtempe en la sama urbo. Oni do tiuokaze ne miru kaj atendu kelkajn tagojn antaŭ ol plendi.

**Repagado de la kotizaĵoj.** — Ni dankas la Delegitojn, kiuj klopodis pri la repagigo de la kotizaĵoj por 1914, kaj tiamaniere multe plifaciligis nian laboron. Ni insiste petas la Delegitojn, kiuj ne ankoraŭ sin okupis pri tio aŭ ne ankoraŭ finis tiun laboron, ke ili bonvolu kiel eble plej baldaŭ zorgi por ke la ĝisnunaj membroj pagu la kotizaĵon por 1914.

*Post la 1 marto 1914*, ni enkasigos per la poŝto — en la landoj, kie poŝtrepagoj estas uzeblaj — la kotizaĵojn de la membroj, kiuj ne ankoraŭ repagis, nek formale eksiĝis el nia Asocio, sed ni estos devigataj pliigi la kotizaĵon je la sumo necesa por ĝia enkasigo. Aliparte la Delegitoj ne ricevos la kvinonon de la kotizaĵoj, kiujn ni enspezos per la poŝto. Por eviti tion kaj limigi niajn klopodojn, la Delegitoj estas do tre petataj klopodi pri la repagigo de la kotizaĵoj antaŭ la 1 marto, tiel ke la enkasigon per la poŝto ni bezonu uzi nur tie, kie ne estas Delegito. Plie, ni insiste petas, ke oni bonvolu komuniki al ni ne sole la aliĝojn sed ankaŭ la *eksiĝojn*. Rifuzi la repagon de la kotizaĵo estas konsiderata kiel eksiĝo. Ni nepre bezonas, ke oni komuniku al ni la nomojn de la eksiĝintoj por eviti, ke ni poste enkasigu iliajn kotizaĵojn per la poŝto — kio kaŭzus al UEA tute senutilajn elspezojn.

Por la repagado de la kotizaĵoj de la Esperantiaj Entreprenoj ni agos tute same kiel por la repagado de la membraj kotizaĵoj.

**Revizio de la Statuto.** — Laŭ decido de la Komitato de UEA, komisiono konsistanta el S-roj H. Hodler, direktoro, Ed. Stettler, vicdirektoro, kaj Th. Rousseau, vicprezidanto, prilaboras nun revizion de nia statuto. Je tiu okazo la komisiono danke ricevos kaj ekzamenos ĉiujn sugestojn kaj proponojn de la Delegitoj.

**Financoj.**

*Konteltiro de UEA por la monato decembro 1913:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 2558. 69 | Oficejo | 81. 40 |
| Subtenantoj | 95. 60 | Salajroj | 592. 50 |
| Entreprenoj | 854. — | Korespondado | 78. 61 |
| Jarlibro | 477. 65 | Materialo | 150. — |
| | | Presaĵoj | 25. — |
| | | Ofic. Organo | 236. 05 |
| | | Adm. Elspezoj | 45. — |
| | Fr. 3985. 94 | | Fr. 1208. 56 |
| | | Saldo | „ 2777. 36 |
| | Fr. 3985. 94 | | Fr. 3985. 94 |

**Novaj Delegitoj.**

(Ni publikigas nur la nomojn kaj adresojn de tiuj Delegitoj kaj Vicdelegitoj, kiuj ne aperas en la Jarlibro 1914.)

*Altoona* (Usono, Pennsylvania). D.: J. F. Owens, Box 163.
*Bitterfeld* (Germanujo, Prov. Sachsen). — D.: Wilhelm Przytulla, Kaiserstr. 29.
*Château-Salins* (Germanujo, Lotringo). — D.: J. Baumann, Kaiserliches Steuerkommissariat.
*Czernowitz* (Aŭstrio, Bukovino). — D.: F-ino Pazja Melniĉukivna, studentino, str. Rusa 22.
*Ekaterinoslav* (Rusujo, Ekaterin. gub.) — VD.: P. Visockij, oficisto, str. Sadovaja 27.
*Fiorenzuolo d'Arda* (Italujo, Piacenza). — SD.: F-ino Giovannina Lombardi, instruistino.
*Gorna-Orehovico* (Bulgarujo). — D: H. Belmustakov, librotenisto, Arsenova 47.
*Henryetta* (Usono, Oklahoma). — D.: Roscœ E. Dooley.
*Honneff a. Rh.* (Germanujo, Rheinland). — SD.: Emil Momber, Menzenbergerstrasse 100.
*Jaroslav* (Rusujo, Jaroslav gub.). — D.: Arsenij Vladimiroviĉ Ŝigorin, studento, Jaroslava Demidova Liceo
*Lienz* (Aŭstrio, Tirol). — D.: D-ro Rud. Pettera, Alleestrasse, ĉe Barono Klingspor.
*Mittweida* (Germanujo, Saksujo). — D.: Wilhelm Friedrich Marchal, studento-inĝeniero, Rochlitzerstr. 18/I.
*Monselico* (Italujo, Padova). — SD.: Giovanni Bovo.
*Oberpesterwitz* (Germanujo, Saksujo). — D.: Kurt Zeissig, instruisto.
*Reading* (Usono, Pennsylvania) — D: M. J. Skaist, 732 Walnut St.
*Rotterdam* (Nederlando). — SD.: H. P. Dijkstra, Oranjeboomstraat 220.
*Tomsk* (Siberio). — D.: I. Seriŝev, pastro, Coite de poste 89.
*Turku* (Finnlando). — VD.: Tyko Vesa, L. Pitkakatu 8a.
*Ujvidek* (Hungarujo, Bacs Bodrog). — D.: Aleksandro Marton de Zsarolyan, reĝa hungara arbarkonsilanto.
*Villastellone* (Italujo, Torino). — SD.: Carlo Clerico, teologo.

**Ŝanĝoj.**

*Bunzlau* (Germanujo, Silezio). — D: Max Kuhnel, Angelweg 4.
*Pleven* (Bulgarujo). — D.: P. Simo Simov, Rue Aleksandrowska, VIII Kvartale.
*Samara* (Rusujo, Samara gub.). — D.: Aleksandro Kolĉin, fervoja oficisto, Samarskaja 273, loĝ. 3.

**Eksiĝo.**

*Viggiu* (D.: Monti).

**Rimarko.**

Pro foresto de la Delegito en Ekaterinoslav, S-ro Jofo, oni sendu ĉion al la Vicdelegito.

# ESPERANTO ĈE LA LEIPZIGA EKSPOZICIO

„Strato de la Popoloj" estas la nomo de la ĉefa vojo en la Leipziga Mondekspozicio de libroindustrio kaj grafikaj artoj. Ĝi estas flankumata per la pavilonoj de la diversaj nacioj. Francujo, Svisujo, Italujo, Aŭstrio, Hispanujo, Portugalujo, Anglujo, Nederlando, Danujo, Rusujo kaj Brazilujo konstruas jam nun siajn proprajn domojn, por montri en ili la bonan staton de sia libroindustrio.

La Leipziga Mondekspozicio superas ĉiujn ĝisnunajn ne nur per sia grandeco, graveco kaj tipeco, sed ankaŭ per la fakto ke unu popolo oficiale partoprenas, kiu ĝis nun neniam estis reprezentita, nome la popolo de la Esperantistoj.

Ke la Esperantistaro estas popolo, tion ĝi pruvas plej bone per la Esperanto-Pavilono, kiu fariĝas ebla nur dank'al la monoferoj de la gesamideanoj. Nuntempe ĝi estas konstruata, bela romana domo, ornamita per la verda stelo, inda hejmo de nia afero. Kiel la domo mem, apud la domoj de Francujo, Italujo kaj Brazilujo devas esti vidata de ĉiu el la miloj da vizitantoj, tiel ankaŭ la enhavo de la pavilono nekompareble propagandos nian aferon. Ĉiu devas konvinkiĝi ĉi tie, ke Esperanto vivadas, ke ĝi estas forta, ke jam ekzistas tuta Esperanta popolo, kiu en sia propra domo montras amason da interesegaj ekspozaĵoj. Ĉu ankaŭ vi, kara samideano helpis ĉi tiun gravan entreprenon koncernantan la tutan Esperantistaron? Ĉu vi ne volas apogi aferon, kiu ebligas, ke la Esperanta popolo unuafoje aperas oficiale inter la diversaj nacioj, kio estas kapabla havigi al nia movado sukcesegon? Dank'al la donacoj de multaj sindonaj gesamideanoj la ĉefsumo por nia kon-

struaĵo estas pagita. Sed tamen estas tute necesa mono kaj denove mono, por ke la enhavo de la domo, kiu estas nun kunportata, el la tuta mondo, estu ne re inda je Esperanto. Ni treege petas vin, kara samideano, helpu ankaŭ vi, por ke tiu por Esperanto gravega okazo, fari impresan propagandon ne pasu neuzate. Ankaŭ tre malgrandaj mondonacoj, eĉ respondkuponoj estas dankege akceptataj de la Saksa Esperanto-Instituto, Leipzig, Dolzstrasse 1, kiu aranĝas la tutan aferon. La kvitancojn oni legos en „Ĉirkaŭ la Mondo".



Esperanto-pavilono en Leipzig

En la Esperanto-domo troviĝos antaŭ ĉio bona statistika materialo montrita grafike. Nur tiamaniere ni efike povas pruvi la grandegan evoluadon de nia mondlingva movado. Ankaŭ ĉe tio ni bezonas gehelpantojn, kiuj sendu al ni la *nombrojn de la grupoj ekzistantaj en ĉiu lando* kaj la nombrojn de la grupoj dum la lastaj 10 jaroj. Plue apartaj fakoj ekzemple Esperanto kaj turismo (sendu gvidlibrojn kaj gvidfoliojn!) Esperanto kaj industrio (sendu katalogojn!) Esperanto kaj lernejo — estas videblaj en la Esperanto-domo.

Sendube la Esperanto-pavilono en la Mondekspozicio estos efikega propagandilo, kiu devas havigi al la mondlingvo grandegan sukceson. *W. Hahn* (Leipzig).

# Esperantia Parolejo

## Ĉu respondkupono aŭ poŝtmarko?

En Esperantistaj rondoj oni multe rekomendas la t. n. „Internaciajn Respondkuponojn" kiel bonegan pagilon. Ĉu ili efektive tiom valoras por ni Esperantistoj? — Tute ne!

La aĉetprezo estas 30 c. (= 25 pf. laŭ germana mono) popece en la plej multaj landoj; ĉar la fremdlanda korespondanto por ĝi ricevas nur 25 c. (= 20 pf.) interŝanĝe en poŝtmarkoj!), la uzantoj perdas 20 %. Ĉiu Esperantisto prikalkulante la elspezojn por forsendo de iom pli granda sumo ol kutima tuj ekvidos ke, jam anstataŭ 3 kuponoj li pli bone kaj pli malkare pagas per poŝtmandato. Supozu, ke mia franca korespondanto estas ricevonta (sen pluaj kostoj por li, alportkostoj por la poŝtisto aŭ s.) sumon valorantan 60 pf. Pagante per kuponoj mi devas elspezi 95 pf., sed pagante por mandato nur 90 pf. estas necesaj. La lasta pagmaniero ankaŭ estas preferinda, konsiderante, ke ekzistas nur unu speco de kuponoj valorantaj 30 c. (= 25 pf.) antaŭ ilia stampado.

UEA facile povus forigi ĉi tiun staton kreante en sia C. O. akceptejon kaj ŝanĝejon por ĉiunaciaj poŝtmarkoj. La Esperantistoj — mi volas diri la Esperantianoj — tiuokaze senzorge akceptus kaj sendus reciproke hejmlandajn poŝtmarkojn, eĉ iom pli grandajn sumojn sciante, ke la oficejo en Ĝenevo interŝanĝos ilin plej malkare kaj plenvalore kontraŭ hejmlandaj markoj.

Por ĉiuj kolektantoj, por eldonistoj de ĵurnaloj, por vendistoj de sigelmarkoj, ktp., tia nova aranĝo de UEA estus multvalora; certe ili salutus tian plifaciligon kun granda ĝojo.

*E. Mutschall* (Posen).

[Respondo: Jam antaŭ tri—kvar jaroj, la C. O. de UEA akceptis kiel pagilojn ĉiunaciajn poŝtmarkojn. Tiu servo multe komplikigis ĝian librotenadon kaj kaŭzis tempoperdon, kiu neniel estis proporcia je la gajneto de la membroj. Tiaj aranĝoj estas praktike neefektivigindaj, ĉar por tute malgravaj sumetoj ili trudas kompare multe tro grandan librotenadon, sekve elspezojn. Pro tio kaj aliaj materiaj kaŭzoj la C. O. de UEA estis devigata ĉesigi tiun sistemon por ĝi tre maloportunan. Aliparte, notindaj esti ankaŭ la perdoj, kiuj rezultis el la ofta sendo de difektitaj poŝtmarkoj (disŝiritaj, gluitaj, ktp.).

*La Direktoro.*

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *St. Minkov*, Del. en Sofia, esprimas korajn dankojn al S-ro St. Szabuniewicz, Del. en Moskvo, kaj S-ro L. Tronquez, Del. en Lille, pro iliaj servoj.

.·. S-ro *A. Pagirev*, Del. en Vladivostok, korege dankas S-ron J. Camescasse, Ĉefdelegito en Paris, pro liaj komplezemo kaj servemo.

.·. S-ro *J. Marchetti*, Del. en Trento, esprimas siajn plej altajn dankojn al S-ro V. Alonso-Sanz, Del. en Madrid, pro rapide plenumitaj kaj valoraj servoj.

.·. S-ro *L. Agurtin*, Esp-iano el Bjelostok, esprimas koran dankon al S-roj Ploussu, Del., Rey, Vicdel., kaj Goyt, Esp-iano en Grenoble, pro helpo dum alveno.

# Esperantia Vivo

**Naskiĝo.** — Al S-ro Th. Rousseau, vicprezidanto de UEA, naskiĝis filino.

**Edziĝo.** — S-ro Edwin Milsom, Esp-iano en Genève, kun F-ino Antoinette Cauvin, Esp-ianino en Nice.

— S-ro Wilhelm Haase, Esp-iano en Burgdorf, kaj F-ino Klara Meister, Esp-ianino en Rüegsauschachen.

# Reciproka Informado

Por utili al niaj membroj ni komencis novan servon, kiun ili certe ŝatos. Ĉiu leganto, kiu deziras ion scii pri *iu ajn temo* (komerco, turismo, libroj, institucioj, ktp.) skribu al ni sian demandon. Ni ĝin enpresos ĉi tie kun vica numero. Tre verŝajne inter niaj membroj, legantoj de *Esperanto*, kiuj apartenas al plej diversaj medioj, landoj, profesioj iu povos respondi la demandon. Tiun respondon li bonvolu resendi al ni, kaj ni ĉi tie ĝin enpresos. Ni rezervas al ni la rajton mallongigi kaj aranĝi la tekston de la demandoj kaj respondoj kaj, kompreneble, eĉ tute forigi tiujn, kiuj estus kontraŭ la bonmoroj, la ĝeneralaj principoj de nia gazeto aŭ ne havus sufiĉe ĝeneralan intereson. La demandoj kaj respondoj estu kiel eble plej mallongaj kaj precizaj. Oni skribu ilin tre legeble sur apartaj paperfolioj aŭ poŝtkartoj, aldonante la numeron de la membrokarto de UEA.

## Demandoj

5. Kiajn leĝajn formalaĵojn devas plenumi vojaĝanto ĉe la rusa landlimo kaj en la diversaj rusaj urboj, kie li haltas? — M. 4899.

6. Kioma estas la kosto de vojaĝo de Moskvo ĝis Vladivostoko per la transsiberia fervojo (en la diversaj klasoj)? — M. 5831.

7. Mi dezirus scii, ĉu aperis (kaj, se jes, kie) la anoncita libro pri la „problemo de Atlantis" de D-ro Paŭlo Schliemann (vidu „Esperanto" 1913, paĝ. 36, 51, 67, 82).

## Respondoj

La unua cifero montras la numeron de la demando, la dua (inter krampoj) la paĝon de *Esperanto*, sur kiu ĝi aperis.

3. (15) Rekomendinda libro pri moderna Italujo franclingve: *L'Italie Moderne*, de Princo Giovanni Borghese (Librejo Flammarion, Paris). — M. 2.

# Alvokoj

**Pro la kreskanta nombro de artikoloj por tiu rubr ko, ni estas devigitaj alpreni la jenajn regulojn, al kiuj niaj korespondantoj bonvolu alkonformiĝi:**

**1-e Ni enpresos en tiu rubriko nur alvokojn aŭ petojn havantajn ĝeneralan intereson je la vidpunkto de Esperanto aŭ de UEA. La notojn, kiuj havas karakteron de reklamo speciale por iu komercajo, eldonajo, urbo, ni akceptas nur kiel pagatajn anoncojn. Ili tiuokaze aperos en la parto speciale rezervata por la reklamo.**

**2-e Ni enpresos nur la alvokojn, kiuj estas sendataj de Esperantianoj aŭ Esperantiaj Entreprenoj.**

**3-e La redakcio rezervas al si la rajton resumi tiajn artikolojn.**

*La redakcio.*

## Peresperanta paroladvojaĝo pri Hungarujo

La Esperantistaron mi sciigas, ke jam dekkvinmil kilometrojn mi pasis de mia mondvojaĝo, anoncita en la aprila numero de „*Esperanto*". En aŭgusto mi forlasis mian hejmon Szászsebes en la montara Orienta Hungarujo kaj de la Naŭa en Bern mi ŝipiris tra Atlantiko Sudamerikon.

Komisiita de la hungara ministerio de komerco, dum duonjaro mi studadas argentinan komercon, silentigante por tiu ĉi tempo miajn viglajn sentojn kaj ideojn verdajn. Malbabileme mi laboradis ĝis hodiaŭ, sed fine sonas la horo, kiam disvolviĝas la entuziasmiganta verda standardo, kiun altesvingante mi portos tra ĉiuj partoj de l' terglobo!

Ekzistas en Eŭropo unu miljara lando riĉa kaj belega, kvazaŭ kiel pordo inter Okcidento kaj Oriento. Fortan, sanan kulturnacion ĝi enhavas kun progresema komerco, industrio, agrikulturo kaj nekompareblaj naturaj belaĵoj. Tiu mondangulo de 23 milionoj da loĝantoj estas Hungarujo kun la mirinda ĉefurbo Budapest. Bedaŭrinde preskaŭ tute nekonata ĝi estas eksterlande kaŭze de la bela, molsona, sed ekster ĝiaj landlimoj nekonata kaj izolata lingvo hungara.

Ĉu ekzistas pli bona okazo pruvi la praktikecon, utilon, vivkapablecon de Esperanto? Kun ĝia helpo, internacie mi disvastigos konojn pri la glora historio, popolvivo, nuntempa stato, situacio kaj estonteco de la speciale interesa Hungara reĝlando, prezentos naturajn, artajn belaĵojn, tipojn, naciajn originalaĵojn en multnombraj artaj lumbildoj.

Krom tio en ĉiu vizitata ŝtato statistikajn datojn, informojn fotografaĵojn mi kolektados pri la landoj, iliaj karakterizaj naciaĵoj, ekonomiaj, spiritaj movadoj; petos kaj donos klarigojn pri eblaj internaciaj rilatoj, ktp. Tiun materion parte mi aidonos al la sekvontaj propagandparoladoj, utiligos ilin en miaj artikoloj en hungara gazetaro, fine prezentas ilin en formo de paroladoj, libroj al hungarlanda kaj tutmonda publiko.

Por partopreni al grandaj vojaĝkostoj, invitontoj pagos ĉirkaŭ 40 Sm. po parolado ekstereŭropa Por atesti antaŭ oficialaj rondo la rezultatojn atendeblajn, verŝajnan nombron de aŭskultantaro, manieron de aranĝado oni bonvolu sciigi min pri tiuj.

Tra Ĉilio, Ĥinujo-Orienta, Japanujo, Siberio kondukos min la verda stelo de la Naŭa en Bern al la Deka en Paris, kie mi antaŭ la kongresanoj resumos la atingitajn rezultatojn, impresojn, spertojn pri Esperantismo en la plej malproksimaj landoj kaj organizos daŭrigon de la paroladvojaĝo en Eŭropaj, Nordamerikaj kaj ceteraj landoj.

Konstanta adreso en mia hejmo estas: *L. Keleti*, Szászsebes (Hungarujo); direkta, sed provizora ĝis 30 marto: *L. Keleti*, poste restante Buenos-Aires (Arĝentino). Mi petas certigi la alvenon de skribaĵoj per rekomendo.

## Framasonoj

La novenaskita Loĝio Framasona *Esperanto* iom post iom pligrandiĝas. Ĝi jus inicis du novajn framasonojn. Estas nova kaj grava fakto, ke Esperanto eniĝas en Framasonaron. La unua Inico per Esperanto okazis la 17 novembro 1913.

La adreso de tiu Loĝio estas 8, Rue Puteaux, Paris 17e. Ĝi akceptas aliilokajn kaj alilandajn anojn kun malpligrandigita kotizaĵo (2 Sm.).

## Por kolektistoj

Antaŭ ne longe aperis en Usono serio de 6 belaj interesaj reklamglumarkoj, eldonitaj de posedantoj de granda „Hotel Sherman" en urbego Chicago. La unua „Hotel Sherman" estis malfermata en 1837. La *kvina* „Hotel Sherman", staranta sur sama loko estis malfermata komence 1911. La markoj reklamas la novan hotelon, ili portas portretojn de du famaj usonanoj: „Hon. John Sherman" kaj „Gen. W. Sherman", kaj estas presitaj diverskolore. Kelkaj miloj de ĉi tiuj markoj estas jam disdonitaj inter Usonaj petintoj, kaj nun la hotelposedantoj deziras dissendi pluajn milojn al fremdlandaj interesuloj.

Por ricevi la serion estas necese nur ke la petonto sendu *du* plej malaltvalorajn poŝtmarkojn de *sia* lando al:

S-ro *Joseph Beifeld*,
Hotel Sherman, *Chicago* (Usono).

## Instruistoj matematikistoj

Havonte matematikajn raportojn post du monatoj ĉe pedagogiaj kursoj en Dorpato, por mi estus tre necese ricevi de vi klarigajn respondojn pri sekvantaj du demandoj:

1. En kia senco vi uzas geometriajn signojn:

AB; AB (por rekto)?

3. Kiu el sekvantaj egalaĵoj estas de vi uzata:

AB = $a$; AB = $a$ metr.?
AB = $a$; AB = $a$ metr.?

Esprimante kune tutkoran antaŭdankon, mi esperas ricevi multajn respondojn, kiuj samtempe donas al mi la eblon montri konkrete al Dorpataj instruistoj la signifon de nia lingvo, UEA kaj oficiala organo. *N. Eger*, Aleastr. 41, Dorpat (Rusuoj).

## Al geinstruistoj

En Bohemujo jam de longa tempo eliras gazeto por junularo nomita „Maly Ctenár". Nunjare mi instigis ĝian redakcion, kiu presigas Esperantan rubrikon de mi gvidatan. Sed la bohemaj idistoj komencas ataki ĝin, dirante, ke propagando Esperanto estas „anakronisma". Do mi petas samideanojn, ke ili afable sendu protestojn al „Redakcio de *Maly Ctenár*, Praha II, Spálená 13 (Bohemujo)."

*Julie Supichová*, instruistino,
Praha II 524 (Bohemujo).

## Ekspozicioj

Gainersville estas la edukada centro de Florida (Usono). Tie estas la ŝtata universitato por junuloj kaj Southland seminario por junulinoj. Esperanta kurso estas ĉe la lasta. La Del. de UEA tre dezirus ricevi specimenojn de ĉiuspecaj Esperantaĵoj por ekspozi kaj priparoladi. Kun plezuro reciprokos.

F-ino *E. Esther Owen*, Del.,
Southland Seminario, *Gainesville* (Florida, Usono).

* * *

Dum venonta marto okazos en Cannes (Francujo) ekspozicio pri ĝardenkulturo. Ĉe tiu okazo, la Esperantista Cannes'a Grupo dezirus aranĝi ekspozicion de Esperantaĵoj kaj precipe de fotografaĵoj, poŝtkartoj ktp prezentantaj florojn, fruktojn, arbojn ktp.; sed kondiĉe, ke tiuj vidaĵoj havu tekston en la lingvo nacia de la sendinto kaj tekston en Esperanto. La Esperantista Grupo de Cannes nepre konfidas al ĉiuj samideanoj, por ke tiu ekspozicio fariĝu propaganda laboro utila je nia afero kaj je la komercistoj, kiuj uzas Esperanton. Adreso: S-ro Cresp, prezidanto de la Cannes'a Esperantista Grupo, 14, rue des Marchés, Cannes (A.-M.), Francujo.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* Pl = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

ABBEVILLE (Francujo, Somme). — S-ro Turey Racine, 120, Boulevard de la République.

AMIENS (Francujo, Somme). — S-ro Gustave Gondry, 466, route de Paris, Pl., PM.

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro N. Vrazovskij, kontoro Agababova, Pl.

AUSTIN (Usono, Minn.). — S-ro C. H. Gibbons (kun ĉiuj landoj pri religiaj aferoj).

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro M. Rodellar, Diputacion 93, poŝtisto, Pl (nur kolorajn naciajn kostumojn kaj tipojn, bfl.)

BERLIN (Germanujo). — Germanino petas korespondadon kun kiera hispano aŭ franco (se eble 35-jaraj) pri Hispanujo kaj Francujo. Skribu „Esperanto", Berlin, Postamt 17, poste restante.

BLAGOVEŜĈENSK a./A. (Siberio). — S-ro Arkadio Borisov, L., PK. fotografajo).

BODENBACH a. E. (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Josef Hauf, jun., Teplitzerstr. 14, Pl (belajn; li respondos per interesaj vidaĵokartoj de sia regiono, Pl., L.).

BRÜNN (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Ottokar Leixner, Arnoldgasse 16, Pl., PM.

BRUSELO (Belgujo). — S-ro V. Lamberts, poste restante Nord, Pl., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

CHOLET (Francujo, Maine-et-Loire). — F-inoj Susanne et Marcelle Bodeau, Rue Salbérie, Pl., L., bfl.

DIJON (Francujo, Côte d'Or). — S-ro L. Gauthey, 19, rue du Mouton, Pl. (kun ĉiuj landoj).

DRESDEN-A. (Germanujo, Saksujo). — S-ro A. Thomann, poŝtoficisto, Elbberg 1, Pl., bfl. (ankaŭ gazetojn).

DRESDEN-N. 6. (Germanujo, Saksujo). — S-ro Willy Bratfisch, estro de asekuroficejo, Radebeulerstr. 8/II, Pl., PM., bfl. (kun ĉiuj landoj, precipe neeŭropaj).

DUISBURG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Chr. Sewing, Neudorferstr. 213, Pl., PM.

GRANT PARK (Usono, Illinois) — S-ro G. P. Ferree, L. (kun ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj).

GR. OPPATOWITZ APUD SKALITZ-BOSKOWITZ (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Gustav Kulka, Pl., PM.

KARS (Kaŭkazo). — S-ro Gregorio Jenj, Remeslennaja ŝkola, Pl., L. (kun francoj kaj neeŭropanoj).

KRASNOJARSK (Siberio). — S-ro A. E. Stabrovskij, Nikolaevskaja slob., N-Ĉeĥovaja str., d. N-ro 3., Pl., L. (kun ĉiuj landoj, pri ĉiuj demandoj).

LAS PALMAS (Insuloj Kanariaj). — S-ro F. Suarez, Commandancia de Ingenieros, Pl. (nur kun fraŭlinoj; ankaŭ portretojn).

LEIPZIG-SCHÖNFELD (Germanujo, Saksujo). — S-roj J. Friedrich, E.-Schubertstr. 11, kaj E. Bauer, Leipzig, Nürnbergerstr. 42, Pl.

LYON (Francujo, Rhône). — S-ro Jules Délion, 103, chemin de Choulans (St-Just).

LYON (Francujo, Rhône). — S-ro Marius Gavarry, studento, 4, Place Le Viste, Pl., PM. (precipe kun grandaj urboj).

MOSKVO (Rusujo). — Grupo Esp. de komizoj vojaĝantaj deziras korespondi kun ĉiuj landoj; adreso: Petrovka, domo 8, loĝ. 6, „Vojaĝo".

MÜLHAUSEN (Germanujo, Elsass). — S-ro Bernardo Huss, Fabrikstr. 44 II, PM., Pl., bfl. (esp. jurnalojn; kun ĉiuj landoj ekster Germanujo).

NAGYSZALONTA (Hungario). — S-ro Jeno Radvanyi, L. (pri problemoj sociologiaj kaj pedagogiaj).

NEW-YORK (Usono). — S-ro Armand B. Coigne, 2627 Webster Avenue (kun samideanoj, precipe sinjoroj, kiuj estas pli ol iomete interesitaj pri metafiziko kaj filozofio. Nur sinceraj gesamideanoj, kun la intenco daŭre korespondadi kaj havante nenian alian celon ol korespondadi letere, bonvolu skribi).

ODENSE (Danujo). — S-ro Chr. Jörgensen, Kongensgade 7.

PALMA DE MALLORKA (Hispanujo). — S-ro Cedula, 9-a klaso n-ro 121, Lista de Correos, Pl. (kun ĉiuj landoj).

PARIS (Francujo). — Groupe Amical, 9, rue du Renard, Pl.

PEKIN (Ĥinujo). — S-ro Schepens René, Taĉmento belga (Légation belgique), Pl., bfl.

PETERBURGO (Rusujo). — S-ro Leonido Karogodskij, Lesnoj, Prijutskaja 2, loĝ. II, serĉas korespondantojn por si kaj por siaj lernantoj: S-roj J. F. Smirnof, Lesnoj Politekniĉeskaja ul., d. I., Ŝmelenga loĝ. II; Paŭlo Andreef (sama adreso); Logino Hatovskij (sama adreso); Nikolao Ĵarof, Lesnoj, Murinskij pr., d. 52, loĝ. 31. (Ĉiuj L., PK., Pl., PM.)

PIHL APUD HEIDA (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ferd. Jochmann, Pl (nur tre belajn kontraŭ tre belaj).

POITIERS (Francujo, Vienne). — S-ro Georges Thébault, studento, 10, place de la Liberté, Pl., PM., L, bfl. (kun ĉiuj landoj).

POITIERS (Francujo, Vienne). — La geanoj de „Esperantista Junularo" deziras konstantan korespondadon kun ĉiuj landoj. Sin turni al la prezidanto: S-ro Gaston Lelarge, studento, 44, rue de la Cathédrale, Pl., PM., L., bfl.

PRAHA VII (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro J. Ĉuhel, Vyšiny 936.

PRAHA VII (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro J. Krupiĉka, u. Akademie 230, PK., Pl., L.

SAMARA (Rusujo). — S-ro V. Firsov, Samara telefona stacio. Pl., L. (kun ĉiuj landoj, pri ĉiuj temoj; interŝanĝi PM.)

SAMARA (Rusujo). — S-ro V. Barmincev, Uralskaja ul. 188 (kun ĉiuj landoj, pri ĉiuj temoj).

SEIFHENNERSDORF (Germanujo, Saksujo). — S-ro Edmund Wenzel, n-ro 537, Pl. (kun ĉiuj landoj; interŝanĝas ankaŭ monerojn).

SIDI-ABDALLAH (Tunizio), — S-ro Quénea François, Pl.

SMYRNE (Azia Turkujo). — S-ro Abraham Danon, Société Commerciale Ott. d'Anatolie, PM.

SMYRNE (Azia Turkujo) — S-ro Haim Franco, pour remettre à J. Danon, PK., PM.

SOFIA (Bulgarujo). — S-ro Petro Taŝkov, lernanto de VII^a klaso, str. Rn. Klementina 118, Pl., L., bfl.

TELDE (Insuloj Kanariaj). — S-ro F. Izquierdo, fotografisto, Pl. kun ĉiuj landoj; li sendos interŝanĝe belajn fotografkartojn).

TEMESVAR (Hungarujo). — S-ro Robert Rössler, Fö-utca 56, Pl. kaj pri filatelio.

TURKU (Finnlando). — S-ro Eines Aavikko, Puspankatu 7.

VLADIVOSTOK (Siberio). — S-ro revizoro Aleksandro Pagirev, Krepostnoj Kontrol (Citadela Kontrolo) Pl. (kun ĉiuj landoj).

VOITSBERG (Aŭstrio, Stirio). — S-ro Otmar Russheim, Pl., bfl. (vere belegajn).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AGENTECOJN por ĉiuj landoj prizorgas samideano, nomas devenojn ktp. Senpage, nur unu respondkup. Postlagerkarte 93, Berlin SO. 26.

AVIZO. — La nova adreso de Librejo „Esperanto" en Montevideo estas: strato Colón 1517, Montevideo (Uruguay).

BELAJN POŜTKARTOJN kun vidaĵoj de Hamburgo kaj Esperanta teksto vi ricevos sendante al mi belan Pl. el via urbo aŭ lando. Kiu volas aĉeti sendu 5 sd. po peco kaj mi sendos ilin afranke. Paul Balkanyi, Hamburg 13, Rentzelstr. 7. H.

BELAN KOLEKTON de PM. deziras aĉeti S-ro Verhaest Maurice, Belga konsulejo, Tientsin (Ĥinujo). Sendu proponojn.

BROŜURO „Laborista Klaso kaj Socialismo“ de Marcel Cachin, Pariza urbkonsilanto, kun antaŭparolo de K-do Betoulle, franca deputato, speciale verkita por la Esperanta eldono, sendata kontraŭ unu respondkupono de S-ro Lamant, rue Amélie, Limoges (Francujo).

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Goston Charcousset* Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Petu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune*, Côte-d'Or, Francujo.

ĈIUJ SPERTAJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke dum festo festeno, balo, kongreso kaj familia festo nek ŝaŭmanta aŭ neŝaŭmanta vino, nek brando nek biero aŭ alia alkoholaĵo estas necesaj. La vera ĝojo devenas el profundo de l'koro kaj ne bezonas instigilon tiel danĝeran kiel la alkoholo. La kutimo festi trinkante estas kaŭzo de multnombra malfeliĉo.—St.

ESPERANTISTOJ de la tuta mondo estas petataj komuniki ĉiujn faktojn havantajn internacian aŭ sensacian intereson por enpreso en gazeto tre favora al Esperanto. Adreso: Dm. Romanoviĉ, Nemeckaja 8—10, „Saratovskaja Poĉta“, Saratov (Rusujo).

ESPERANTISTOJ LEGU ATENTE! Ĉu vi volas ŝpari monon? Se jes, kiam vi deziras aĉeti kian ajn komercaĵon francan, turnu vin al la firmo Remy kaj K-io. Ĝi profitigos vin je parto de diskonto ricevota de la fabrikistoj pri ĉiuj artikloj. Skribu petojn (kun respondkupono) al Remy kaj K-io, Komerckonsulo de UEA, Boite 450 (poŝtkesto), poste centrale, Paris.

FABRIKOJ DE METALFADENOJ. — Mi volas disvastigi en Ruslando stangbarilojn el pikilhava metalfadeno kaj tre petas ĉiujn samideanojn komuniki al mi adresojn de metalfadenaj fabrikoj. Aleksio Dannenberg, Samara, Sadovaja 79—81, loĝ. 8, Rusujo.

GRAFOLOGIAN KARAKTERON, priskribon el la manskribo mi sendas al ĉiuj, kiuj sendas Pl. prefere koloritajn, bfl. aŭ PM. Escepte Germanujo kaj Anglujo. A. Winkler, Briesnitzerstrasse 16, Gorlitz (Germanujo).

JUNA VIRO, iama gimnaziano, kiu lasttempe multe vojaĝis en Orienta Azio, Hindujo, Afriko k. a., kiu parolas krom Esperanto ankoraŭ kelkajn lingvojn, serĉas ian situacion en ia profesio. Li posedas bonan lertecon. — Albert Trum, Schwarzach (Niederbayern, (Germanujo).

KAMPODOMO kun interesa fruktkulturejo (Obstanlage) en okcidenta Saksujo (meza Germanujo), proksime de stacidomo kaj poŝtejo, estas aĉetebla por Sm. 21.000 aŭ kun flanka posedaĵo por Sm. 26 750. — Se samideano — eble hazarde — povus rekomendi aĉetonton, la posedanto, kiu estas Delegito de UEA, pagus 1 % el la vendprezo en la nomo de la helpanto al UEA. — Okazo por lerni la germanan lingvon aŭ Esperanton. — Oni postulu plej detalajn sciigojn de UEA, Genève, kaj ricevos ilin de la posedanto.

MAŜINOJ por farado de la makaronio estas postulataj por fondota fabriko. Mielo ĉiuspeca kaj vakso estas vendataj. Proponojn oni adresu al S-ro V. V. Zavjalov, Vicdelegito, Aleksandrovskaja n-ro 8, Ufa, Rusujo.

PENSION-LERNEJO: 17 St. Stephen's Square, London W, D-ro O'Connor, M. A. P. D-ro. Prospekto senpage.

PRAKTIKAJN ARTIKOLOJN por la ĉiutaga uzado vi trovas en mia prezaro pri tranĉiloj (ankaŭ kun stelo) bruligiloj, tondiloj, raziloj. Mi serĉas personojn, kiuj okupiĝus per disvendo al privatuloj. Postulu Esp. Katalogon ĉe F. G. Jüngel, Dresden-A. 27.

RUSA AGRONOMO deziras ricevi por la kolekto la specimenojn de plej interesaj kaj karakterizaj semoj de kultura grenvegetaĵoj (rizo, maizo, tritiko, ktp.) kaj de paŝtherboj el Afriko, Suda Ameriko kaj Aŭstralio; kvante — ne pli malmulte ol 50 gr.; ĉiu specimeno — kun nomo kaj klarigskribo. Ŝanĝe li povus resendi, laŭ la deziro, aŭ specimenojn de semoj de rusaj specoj, aŭ la kolekton de belaj ilustritaj koloraj poŝtkartoj, aŭ repagi elspezojn mone. Proponojn kaj sendojn adresu: S-ro I. Prilejaev, Tereŝĉenkovskaja, II, loĝ. 7, Kiev (Ruslando).

RUSA VORTARO de P. Stojan, laŭ modelo Larousse, enhavas 40 mil vortojn kaj 1300 bildojn. Afrankite kaj rekomendite Sm. 3. 50, bone bindita Sm. 3. 80. Librejo „Esperanto“, Lubjanskl pr. 3, Moskvo.

SENPAGE. — Kontraŭ Pl. mi sendos ilustritan gvidfolion de ĝardenurbo Letchworth F. A. Goodliffe, Delegito, Letchworth (Anglujo).

SIGELMARKOJN Esperantajn aĉetas, kolektas, interŝanĝas kaj vendas siajn proprajn eldonojn (100 diversajn 60 sd.). G. Davidov, Rusujo, Saratov, poŝtkesto 12.

SOCIETOJ, grupoj kaj rondoj Esperantistaj estas petataj sendi siajn regularojn al S-ro G. Davidov, Saratov, Rusujo.

# PARIS 1914!

Vi devas legi en la arte ilustrita

## KONGRESA GAZETO

la cirkulerojn de la Organiza Komitato; la informojn de la Komisionoj; la praktikajn konsilojn de M. Z. A.; la artikolojn de famaj Esperantistoj; la nomaron de la Kongresanoj; la respondon al ĉiuj viaj demandoj.

SED... por legi tion, necese estas ricevi la Gazeton.

Ricevos ĝin nur la jam aliĝintaj Kongresanoj

VI ALIĜU! Se vi aliĝos ekzemple en marto, la la de vi ricevota numero estos la aprila.

La unua numero aperos en januaro 1914.

Abonu

## „L'Esperanto",

*duonmonata Gazeto*

kiu publikiĝas en ĉiu numero

**Lecionojn de Itala Lingvo per Esperanto**

:: :: *Abonprezo 1913* **Sm. 1** *(Fr. 2.50)* :: ::
*Kun literatura aldono „Itala Animo"* **Sm. 1.600** *(Fr. 4)*
*Abonprezo 1914* **Sm. 1.300** *(Fr. 3.25). — Kun aldono* **Sm. 1.900** *(Fr. 4.75)*

Specimena n-ro kontrau respondkupono

La proksima januaro 1914 aperos

**Plena Klasika Kurso de Latina Lingvo**

por Esperantistoj

La prononco estas laŭ esperanta alfabeto, kiu perfekte riprezentas latinajn sonojn laŭ itala prononco. × × × × × × × × × × × × × × × Aperos unu kajero ĉiumonate

*Jarabono por abonintoj de „L'ESPERANTO" estas* **Sm. 0.600** *(Fr. 1.50); por neabonintoj* **1 Sm.** *(Fr. 2.50)*

Sin turni al eldonisto

**A. PAOLET — S. Vito al Tagliamento (Italujo)**

*Konto ĉe la Ĉekbanko Esperantista — LONDONO*

## „INTERMITA SCIIGO"

Kaptein **Brynjulf Jhss. Klingenberg,** Prof. Dahls Gate 18, **Kristiania,** Norge

| N-ro | | Sm. |
|---|---|---|
| 1e | Enkonduko kai la organizo de la pacparlamento . . . | 0.153 |
| 2e | Pacparolado dum kunveno en Kristiania 1912 . . . . | 0.153 |
| 3e | La estonto de la nordo, kun malfermita letero al la pacamikoj | 0.385 |
| 4e | Milito, kristanismo kaj paclaboro. Pac-himno . . . . | 0.300 |
| 5e | La instiguloj por neantaj, militistaj defendistoj. La estanta pozo de la pacafero . . . . . . . . . . | 0.300 |
| 6e | Pac-himno, vortoj kaj muziko. Kantisĥoro, aĉetanta pli ol 10 pecojn, atingos rabaton . . . . . . . . . | 0.300 |

Aĉeteblaj ĉe ĉiuj E. O. kaj E. Librejo kaj ĉe la verkinto. Poŝtmandatoj, transpagiloj kaj ĉekoj de Ĉekbanko Esperantista, Merton Abbey, London S. W. Se oni pagas per poŝtmarkoj oni devas pligrandigi la spesmilajn sumojn kun 2%.

La artefarita




BERLIN NW 6, Luisenstr. 51.
Oni parolas esperante!

**Nova kuracmetodo!**

Por malsanoj de la asimilo, de la sango kaj por malsanoj de la koro kaj de la nervoj k.a. Oni mendu prospektojn esperantajn (senpage) aŭ broŝureton (20 Sd.). — DU FAKKURACISTOJ. Direktoro: D-ro BREIGER.

Oni volas vendi

## UNUARANGAN PENSIONON

tre bone ekspluatatan dum 25 jaroj en *Amsterdam* (Nederlando) k ĝuantan bonegan famon en- kaj eksterlandan. Enspezo Sm. 350.— monate, sen manĝado. Modera luprezo de la granda duobla domo. *Aĉetprezo,* inkluzive la eksterordinare valora inventaro *Sm. 12.000,* kontante. Leteroj al S-ro **J. F. E. von Römer,** Delegito en **Hilversum,** Nederlando.



## L. F. KAHAN

**BERLIN N.O. 55**

**Reprezentanto de Krautwurst & Link**

**Fabriko por: Metalaj numeromaŝinoj, poŝto-stampoj kaj stampo-kusenoj.**

Por: Presejoj Paperejoj Bankoj




Por: Poŝtaj kaj Fervojaj oficejoj



Oni petu la katalogon senpage.

## HOLDEN FRATOJ

liveras Botojn, Ŝuojn, Sandalojn, Pantoflojn, Kaŭĉukajn Ŝuojn, Ŝtrumpojn kaj Ŝtrumpetojn. Ĉiuj ekskluzive laŭ la tipo „Naturformo"



## HOLDEN FRATOJ

3, Harewood Place, Oxford Circus, London W.

Katalogoj senpage. Oni parolas Esperante.

## HUGUENIN FRERES & Co

LE LOCLE
MEDAILLES — INSIGNES
BIJOUTERIE —

## E. J. HOFFMANN — THUN

**Fabrikejo de karton- kaj ladpakiloj**

Specialajo: LADDOZOJ sen kaj kun stampo de la firmo faritaj el unu peco kun duobla faldo kaj lutita. Patentskatoloj. — Skatoloj por konservaĵoj. — Mielujoj. — Dozoj por uzadoj en apotekoj kaj ĉiuj aliaj por diversaj uzoj.

**Litografio — Kromo-presado**

por skatoloj kaj reklamafiŝoj. — Reliefaj ŝtampajoj.

**Librobindejo kaj kartonaĵoj**

**Mekanika Laborejo**

Telefono — Adreso telegrama: HOFFMANNS THUN

Bronza medalo PARIS 1889 — 2 arĝentaj medaloj GENÈVE 1896 — 2 oraj medaloj THUN 1899

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO